Va jaro. — No 64 | Unu numero : 6 SPESDEKOJ (15 centimoj) | 20 Oktobro 1909

# ESPERANTO

OFICIALA ORGANO DE UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

Duonmonata Internacia Gazeto

Direktoro : HECTOR HODLER



## PAROLADO

DE

## Sro H. BOLINGBROKE MUDIE

*Prezidanto de U. E. A.*

**ĉe la malferma kunveno de U. E. A.**

Kara Dro Zamenhof,
Estimataj kolegoj,
Esperantianoj internaciaj,

Mi havas la honoron raporti al vi por la dua fojo pri la agado de nia kara asocio dum dekdumonata periodo, kaj kun tre granda ĝojo mi povas vin sciigi, ke niaj plej entuziasmaj esperoj plenumiĝas kaj, ke la Esperantistaro tre afable esprimas sian kontentiĝon pro la maniero, laŭ kiu la servoj de nia asocio helpas iliajn internaciajn rilatojn. Antaŭ kelkaj monatoj, la fako, kiu okupis sin pri mendoj, ne tro bone funkciis pro troa premiĝo de la laboro, sed nun ni esperas, ke ankaŭ tiu fako staros sur bona kaj komerca fundamento, kaj, ke ni ne plu devos peti la indulgon de niaj membroj. Dum la pasinta jaro senkompata la morto forportis de ni junan kaj tre energian helpanton, Sro Ernest Pointer, same kiel la bedaŭratan jus mortintan kongresaninon Snon Marie Schrœder, kiu estis nia tre fervora delegitino de Kopenghago kaj mi prenis sur min la devon tuj post la malgaja okazo komuniki en via nomo mian koran simpation al iliaj patrinoj kaj familioj.

La progreso de post la Dresdena kunsido estas tre rimarkinda, kaj bone atestas pri la forta stato de nia kara afero tra la tuta mondo. Jam 5.000 estas niaj membroj kompare kun 1.200 antaŭ unu jaro. Kaj la nombro de delegitoj kaj sub-delegitoj eĉ pli fervore kreskis de 200 ĝis 700. La enskribo de 80 esperantiaj entreprenoj, inter kiuj estas kelkaj plej gravaj mondaj firmoj, montras la atentindan fakton, ke la komerca mondo eksentas pri la gravega utilo, kiun nia afero alportas al ĝi.

Nia asocio entute ŝuldas plej koran dankon al la sindonaj amikoj, kiuj tiel grandlabore agis, kiel niaj reprezentantoj; kaj la vojaĝantaj samideanoj ankoraŭ unu fojon povis profiti nian organizon por plej trafe viziti novajn regionon de Esperantujo. Ne estas mia deziro tre longe alparoli vin hodiaŭ, karaj helpantoj, kaj mi konkludas, esprimante la esperon, ke ĉiuj, kiuj povos helpi nin per siaj konsiloj afable tion faros dum nia ĉiujara festo. Je multeco de konsilantoj troviĝas la saĝo. Se ni antaŭen iros ĉiam okupante nin pri la praktika flanko de esperantismo ni ja devas fari tre grandan servon ne nur al niaj kunlaborantoj kaj fratoj, sed ankaŭ al la tuta afero de lingvo internacia.

Mi, se vi permesas, ke mi persone parolu, tute ne meritas la grandan honoron, kiun vi faris al mi, elektinte min, via Prezidanto. Estas tro da aliaj, kiuj ja pli multe faras, ol mi. Mi nun povas diri, ke nia Asocio havas tre intiman lokon en mia koro kaj, ke mi ĉiam faris mian eblon gardi nian ŝipeton sur akvoj, kiuj en la estinteco ne estis absolute trankvilaj.

La parolon mi nun transdonas al via vic-prezidanto kaj plej laborema advokato, Sro Hodler, por ke li faru al vi ĉiujaran raporton (1). Poste mi tre petas nian karan Majstron kaj honoran Prezidanton, ke li havu la afablecon diri al ni kelkajn kuraĝigajn vortojn por replenigi niajn korojn je vera esperantisma fervoro por la venonta jaro.

H. Bolingbroke Mudie.

(1) Ĝi aperis en la lasta No.

# SOCIA VIVO

## GEOGRAFIO

### Aŭstrio klopodas allogi la fremdajn turistojn

En la celo stimuli la disvastiĝon de la fremdula industrio, la Aŭstria registaro antaŭ nelonge deponis ĉe la Parlemento leĝoprojekton, laŭ kiu la ŝtato monhelpus 51,000,000 $ por la konstruado de fervojaj linioj de loka intereso. Aliparte sekcio pri la cirkulado de la fremduloj, kvazaŭ turisma ministraĵo, estis aldonita al la ministraĵo de la ŝtataj laboroj. Ĝia oficistaro estos rekrutata ne ĉe profesiaj ŝtatoficistoj, sed ĉe personoj bone konantaj Aŭstrion kaj fremdlandon. Tiu sekcio studos la necesajn reformojn por la bona funkciado de la hoteloj, por la komforteco de la vojoj kaj allogeco de la fremdulejoj. Fremdlande estos kreataj oficejoj, kiuj celas ne nur liveri informojn, sed klopodos per reklamo allogi la alilandanojn Aŭstrion. Fine, la sama nova organo, konsente kun la ministraĵo de la fervojoj, serĉos rimedojn por faciligi la vojaĝojn de la fremdaj turistoj, speciale per kreo de ĝeneralaj abonoj al la fervojoj.

Per tio Aŭstrio decide aliĝas al la landoj, kiuj valorigas siajn naturajn belaĵojn kaj penas altiri la turistojn al si. Ĝi havas la privilegion posedi mirindajn montojn, belegajn lagojn kaj arbarojn de Tirolo ĝis Bosnio kaj ĝi nun uzas ilin por pligrandigi sian ekonomian prosperecon.

T. C.

### Kelkaj ciferoj pri Londono

Kvincentpaĝa statistika libro, ĵus publikigita de la urbestraro, klare pruvas pri la rapidega disvolviĝo de Londono kaj la multegaj partoj de ĉi tiu giganta organismo.

Londono okupas areon da 34,790 hektaroj, entenante la malnovajn praurbojn London-City kaj Westminster, kaj 27 komunumojn, el kiuj la plej grava, Wandsworth, estas jam per si mem la okono de la tuta urbego. Londono, kiu enhavas nun 7,537,196 loĝantojn, bezonas 4,229 oficisojn por la administrado, 18,000 policanojn kaj 240 policopostenojn, 551 pacojuĝistojn, krom multaj aliaj magistratoj.

Unu el la plej interesaj partoj de tiu statistiko rilatas al vojoj kaj veturado. Laŭ gi la strataro atingas longecon da 3,500 kilometroj, kies prizorgado kaj lumigado kostas jare kaj kilometre 7,710 Sm. Dum oktobra monato de la lasta jaro, oni konstatis, ke 9,743,669 personoj uzis la tramojn de la antaŭurboj por veturi London-City. Dum 1908, 275,479,000 homoj uzis la omnibusojn de la du ĉefaj Kompanioj kaj 1.318,495,212 estis transportitaj per ĉiuj ceteraj tramoj de la urbego. Pri la uzateco de la fervojoj la legando juĝos laŭ tio, ke en ordinara tago hazarde elektita dum decembro 1908, 8,556 vagonaroj alvenis en la Londonaj stacidomoj.

F.-L.

### Angla entreprenemo : Marhaveno ĉe Birmingham. Tratranĉo de Skotlando

Kia ideo! oni diros! Marhaveno ĉe Birmingham. Neeble! Tiu urbo ja estas en la centro de Anglujo. Tute prave, Birmingham kuŝas tre proksime je la geografia centro de Anglujo-Kimrujo, sed jam de longatempe oni revas interligi ĝin rekte kun la maro. Ekzistas jena stato de la aferoj en Anglujo. Estas en la lando unu urbo Londono, senkompare granda kiu kvazaŭ ridas je la konkurenco de la provincaj urboj kaj ĉiam kreskegas. Kun tiu giganto la aliaj urboj ne kuraĝas batali, sed inter si ili akre konkuras. La granda urbo Manchester nekontenta ke Liverpool havus la profitojn de ĝia komerco kun Ameriko kaj aliaj mondopartoj konstruis kanalegon longan je tridek mejloj por venigi la transatlantikajn ŝipegojn al siaj magazenoj, kaj Birmingham konstante revas superi Manchester kaj fari kanalon longan almenaŭ je 75 mejloj por kunigi sian urbon kun la maro.

Diversaj solvoj de la problemo estas proponitaj. Se tamen oni rigardos al la landkarto, oni devos konsenti ke la plej facila aliro al la maro de Birmingham estas per la valo de la granda rivero Severn, kiu enfluas en la Bristolan ĉanelon. Oni jam havas kanalon por marŝipoj kiu utiligante la riveron Severn etendas tridek mejlojn internen en la landon de Sharpness sur Severn ĝis Gloucester. La cetera distanco inter Gloucester kaj Birmingham sumas proksimume kvardek kvin mejlojn kaj el tie oni bezonus provizi nur proksimume tridek mejlojn de kanalo kaj kluzoj. La projekto havas la subtenon de la riprezentantoj de diversaj urboj de la regionoj kiuj profitus la pligrandigon de la komerco kun centra Anglujo, kaj ili konsentis ke la plej bona farmaniero estas kanaligi la enlandan parton de Severn per kanalo, profundigante ĝin sufiĉe por permesi iradon de ŝipoj de 500 ĝis 600 tunoj. Oni ne celas en la nuna projekto provizon por transatlantikaj kaj oceanaj ŝipoj, sed la paŝo antaŭen kiun oni proponas estas gravega, kaj malfermas la vojon por pli grandioza projekto per pligrandigo de jam proponita kanalo kiam la komerco tion postulos. Oni faras nun enketon pri la kvanto de la komerco esperinda post konstruo de la kanalo kaj se la rezultato de la enketo estas, kiel ŝajne estos, favora, oni metos sin senprokraste al la laboro.

Alia projekto de kanalo, uzebla por plej grandaj militŝipoj, kiu en la lasta tempo altiras multe da atento en Britujo estas propono tratranĉi Skotlandon per kanalo interliganta enfluejojn de Forth kaj Clyde (Klajd).

G. L. B. (Londono).

## AERVETURADO

### Por ne direkteblaj balonoj : la flugkonkurso Gordon-Bennett en Zuriĥo

Oni scias. ke lastjare tiu ĉiujara konkurso okazis en Berlin kaj tie la svisa balono « Helvetia » ricevis la unuan premion, fluginte plej malproksimen ĝis super Norvegujo.

Tial la gajninta lando devis aranĝi la feston por la venonta jaro sur sia teritorio. Post diversaj klopodoj oni difinis Zürich kiel ekflugejon, pro tio ke la gasometro por Zürich ĉe Schlieren estis plej taŭga. La vetero ne estis favora al la aersporto. Jaŭde, la 30 sept. estis la kongrestago de la delegitoj de la « Federo aeronaŭta internacia ». Multaj paroladoj fluis. Ĉeestis la urbestro kaj reprezentantoj de la svisa federo. Vendrede, la 1 okt. estis la unua flugtago. Matene komencis la celflugoj. Estis fiksitaj celoj ronde ĉirkaŭ la urbo en distanco de 30-50 km. Antaŭ la ekflugo de la unua balono, ĉiu konkursanto devas esti informata en fermita koverto pri la elektita celo. Nature ili devis agi laŭ la estanta ventdirekto, kiu venis proksime el okcidento. Meteorologisto faris tial antaŭe preskaŭ unuhoran paroladon pri la nunaj vetercirkonstancoj. Nombro de l'kunkurantaj balonoj 29. La unuan premion gajnis svisa balono kiu proksimiĝis al sia celo je 600 metroj. La lastaranga havis tamen nur distancon da 6,000 m. Bonega rezulto certe per tiel maldirektebla globo. Posttagmeze estis daŭroflugoj. Ekflugis 23 balonoj. La unuajn premiojn ricevis preskaŭ nur germanaj balonoj. Plej malproksimen venis balono « Hessen », kiu subiris kaj alteriĝis ĉe Beneschaŭ-Bohemujo, farinte 440 km. La veturo estis treege malhelpata pro pluvo kaj eĉ neĝo. Sabate la ĉielo montriĝis tiel malfavora, ke la grundo estis nur unu granda ŝlimmarĉo. La direktebla balono « Parseval » estis plenigata per hidrogeno, sed la laŭprograma ekveturo ne povis okazi. La sekvanta dimanĉo estis suna kaj esperigis bonan sukceson. Ĉirkaŭ tagmezo videbliĝis subite la direktebla « Parseval » super la urbo, persekutata de multaj rigardoj kaj aplaŭdoj. Je la 4a okazis la vetflugado por la Gordon-Bennett premio. Dum la rapide sinsekva ekflugo « Parseval » rondflugadis ĉirkaŭe, ofte atingita de tondraj aplaŭdoj, ĉapel-kaj tuksvingado. La rekordo, kiun atingis la bravaj balonuloj, estis pro la terure peniga vetero multe malsupera al tiu de la pasinta jaro. De 20 anoncitaj balonoj ekestis nur 17 ĉe la flugejo, 2 italaj, 3 belgaj, 3 francaj, 3 germanaj, 3 svisaj, 1 amerika, angla kaj austra. La nombron de la rigardantoj oni taksas je 300,000 personoj. Gajnis la premion la balono « Amerika », kiu alteriĝis ĉe Ostrolenka, nordokcidente de Warschaŭ. Mezurite laŭ aerdistanco, la balono faris ĉirkaŭe 1150 km. Tiu venko donos al Usono la plezuron, aranĝi en la jaro 1910 la Gordon-Bennett flugadon sur sia teritorio, kiel estis cetere jam antaŭ 2 jaroj.

Sekvas en la rangordo « Ile de France » (Francujo), « Azuréa » (Svisujo) kaj verŝajne « Helvetia » (Svisujo), kiu estis aklamata kun entuziasmego ĉe la ekflugo.

E. Kuder (Subdel. Zürich).

### La Aviadistoj en Spa Kota semajno

La aerveturada semajno en Spa, kiu devis komenciĝi la 20an de septembro, estis malfermita nur la 22an. Ĝi devis esti fermata la 5an de oktobro sed la vento zorgis ĝin interrompi antaŭ la dato difinita.

Oni vidis flugantajn Delagrange kaj Leblond per monoplanoj Bleriot'aj kaj Sommer per biplano Farman'a. Paulhan sur biplano Voisin'a ne sukcesis bone flugi : la publiko ne sciis kial. La belgaj aviadistoj (tio estas nomo ironia) ne eksperimentis siajn aviadilojn.

Ne estis aviadaj konkursoj sed nur elmontroj, kiuj povis kontentigi tiujn, kiuj estis neniam vidintaj aviadi sed kiuj prezentis nenian sportan intereson. La tero estis ŝlima kaj malsekega kaj ofte la rigardantoj akvumis siajn piedojn ĝis la genuoj por nenion vidi. Kiel la sinjoroj, la sinjorinoj enŝlimiris relevante siajn jupojn kaj ofte montrante aferojn multe konsolantajn por la vidantoj trompitaj de la aviadistoj. Precipe kiam ne estas premioj gajnotaj, la aviadiloj estas birdoj ankoraŭ tre malobeemaj : pluveto kaj venteto klinas ĝin sur la tero.

La spektaklo de aviadilo fluganta estas sendube interesplena sed kiam mankas la konkursa intereso, baldaŭ unutona fariĝas la flugo. La plej longa flugado estis farita de Leblond dum 23 minutoj 7; Sommer flugis 16 minutojn 48. — Ĉiuj aliaj flugadoj estis longaj de ĉirkaŭe 4 aŭ 5 minutoj. La 1an de oktobro, la direktebla balono « Le Zodiac » de la grafo de la Vaulx eliris el sia halo dum duonhoro, naĝis super la spongeca stepo kun granda facileco.

Resume la aerveturada semajno de Spa prezentis kelkajn interesantajn kaj multajn malagrablajn momentojn. La vetero estis ofte malseka kaj nebula sed ĝenerale favora al aviadaj kuradoj.

La vidantoj estis multaj kaj ankaŭ la elreviĝintoj.

A. Serstevens (Subdel. Spa).

## IDEOJ & FAKTOJ

### Por refortigi la malsanemajn infanojn. : La subarbaraj lernejoj

Antaŭe, la infanoj, kiuj ne povis rezisti sian liberamon kaj deziron al plenaera vivo, forkuris el la lernejo kaj iris vagadi tra la bela kamparo. Sed, malgraŭ la ĉarmo de la « frukto malpermesita » malkvieteco malbonigis ilian plezuron, ĉar al la reveno estis alligita multe da malagrablaj punoj por la tro sendependaj lernantoj. Nun, oni ekkomprenas, ke tiu emo al plenaera vivo ne estas malbonaĵo, sed ja respondas veran bezonon facile pravigeblan. Tion komprenis jam, inter aliaj, kelkaj germanaj, britaj kaj svisaj edukistoj. Ili penis koncili la bezonojn de la naturo kun la postuloj de la moderna kulturo. Ne nur ili ne starigas punon kontraŭ la kamparamoj junuloj, sed direktas ilin al la kamparo aŭ arbaro. Ĉi tiu interesa movado disvastiĝis rapide de kvar jaroj kaj fariĝis utila studi la provojn jam faritajn.

La unua provo estis farita en Charlottenburg-Berlin. Tiu urbo unua kreis inter la klasoj por normalaj kaj por nenormalaj infanoj, klasojn por infanoj kies klereco estas nesufiĉa. Ĉe tiuj lastaj oni baldaŭ rimarkis, ke la plej multaj ne progresas, ne ĉar ilia inteligenteco estas nenormala, sed precipe ĉar ilia fizika stato estis tro malforta por ke ili povu egaliĝi kun siaj samaĝuloj. El tio oni havis la ideon fortikigi la korpon antaŭ ol disvolvi la inteligentecon. Anstataŭ enfermi la infanojn en la urbo, oni opiniis, ke pli bone estus ilin sendi al la kamparo. Tiel naskiĝis la ideo pri subarbaraj lernejoj, al kiuj estus sendataj ĉiuj malfortaj kaj malsanemaj infanoj.

La eksperimento liveris bonajn rezultatojn. Je kelkaj kilometroj de Charlottenburg, tie, kie la aero estas pli pura kaj saturita per pinaj odoroj, en arbaro, estis instalita la lernejo, kiun vizitis du centoj da knaboj kaj knabetoj. Lignaj barakoj estis starigitaj kaj ĉe ili okazas la kursoj, dum pluva vetero. Kiam estas bele, la kursoj estas farataj en la arbaro, sub la branĉoj de la pinoj. Proksime, staras rifuĝejoj, sub kiuj povas ludi la geknaboj. se la pluvo aŭ nebulo malhelpas, ke ili ludu plenaere, sed tuj kiam rebrilas la suno ili jam estas en la verdaĵo kaj arbaro. Meze de tiuj malpezaj konstruaĵoj estas la centra instalejo, kun la kuirejoj, loĝejoj, kaj diversaj oportunaĵoj, ne esceptante banejon kaj eĉ instalon por aerbanoj. Krom direktorino kaj servistoj, la institucio havas nur 6 instruistojn kaj 3 instruistinojn, kiujn oni elektas inter tiuj, al kies saneco mem utilas tia vivado.

La kursoj komencas tuj ĉe l'printempo kaj daŭras ĝis oktobro. Tramoj kondukas ĉiumatene la lernantojn de la urbo al la arbarrando. Je la oka komencas la kurso. Principe kurso ne daŭras pli ol duonhoro. La junulaj lernantoj havas du horojn tage, la malpli junaj tri. Klaso ne havas pli ol 20 lernantojn, tiel ke la instruisto povu sin okupi pri ĉiu knabo aparte. La programo de instruado estas sama kiel ĉe la unuagradaj germanaj lernejoj. La kantado, la botaniko, la natursciencoj kaj la desegnado estas plej ofte instruataj dum la promenoj en la arbaroj. Ĉu la vivanta modelo kaj la reala pejzaĝo ne estas la plej bona temo de lernado? Oni konstatis, ke la « arbaranetoj » multe pli bone rememoras la instruaĵojn ol la urbanetoj kaj pli ol ili havas inklinon al praktika aplikemeco.

La ludoj eĉ partoprenas en la disvolvo de la agemeco de la infano. La knaboj fosas, konstruas pontetojn kaj kanaletojn sur sablo, kulturas plantojn kaj florojn. Ofte tiuj ludoj fariĝas lecionoj de geografio. Jen, iu sur sablo desegnas la riveron Elbo kun ĝiaj alfluoj; alia la Rejnon kun ĝiaj bordaj montetoj; pinpomoj montras la urbojn, sur la lagoj naĝas ŝipetoj paperaj — veraj reliefaj kartoj, kie la proporcioj estas observataj kaj kiujn la instruisto kvazaŭ ne senteble, uzis por leciono.

La nutrado estas simpla kaj saniga. Tage ĉirkaŭ kvin manĝetoj. La lakto kaj la pano estas la fundamento de tiu alimentado. La infanoj havas laŭ sia deziro. Bedaŭrinde la kreditoj estas malgrandaj; 25 $ tage, kiujn pagas gepatroj, aŭ, se ne, la urbo.

La rezultatoj de tiu vivado rapide montriĝas. Palaj kaj malfortaj infanoj, senĝojaj, sendeziraj, alvenas. Loĝantaj en urbaj malsanigaj kvartaloj ili konas nek la florojn, nek la birdokantojn, nek la sunkuŝiĝon, nek la arbarajn bestetojn, nek ion pri ĉi tiu granda libera vivo. Tuj de la unuaj tagoj vekiĝas ilia spirito kaj energio; io nova ilin kaptas; la laboro jam ne estas unutona kaj senfrukta penaĉo. La statistiko mem konstatas la fizikan pliboniĝon de la stato de l'infanoj. En la unua trimestro la pezo de l'knaboj meznombre kreskis je sep funtoj. Ankaŭ estis pruvita per analizo, ke ilia sango multe pluriĉiĝis. Pli grandaj estas ankoraŭ la moralaj rezultatoj de tiu kunvivado en la arbaro, sub inteligenta kaj sindonema direktorino kaj instruistaro. Cetere, oni nun intencas ebligi, ke la infanoj povu resti dum la tuta tagnokto ĉe la arbara lernejo. Tio necesigos la konstruon de loĝejoj, sed havos aliparte bonan efikon, ial ke la infanoj plej ofte devas nun pasigi la nokton ĉe malhigiena domo ofte en malfavoraj moralaj kondiĉoj, kiuj detruas la bonon faritan dum la tago.

La provo de Charlottenburg estis imitita en aliaj germanaj urboj; speciale en Elberfeld, Kiel, Lübeck, München, Mülhausen. Tiuj arbaraj lernejoj, krom detaletoj, estas laŭ la samaj principoj kiel la modelo de Charlottenburg. En Anglujo tiu movado ankaŭ renkontis varmajn aprobojn. Tiaj lernejoj ekzistas en London, Bradford, Halifax. Ĉar Anglujo ne posedas abiarojn kiel Germanujo, la lernejoj estas strarigataj en parkoj, sub jarcentaj arbegoj. La rezultatoj tiel fizikaj kiel moralaj de la anglaj lernejoj estis tre kontentigaj kaj superis la plej optimistajn antaŭdirojn. Oni esperas, ke baldaŭ ĉiu granda urbo havos sian plenaeran lernejon. Siavice Svisujo decidis organizi lernejojn laŭ la samaj principoj kaj sen ia dubo aliaj landoj sekvos kaj iros laŭ tiu progresema vojo.

V. L.

## KONGRESOJ & FESTOJ

### PACA FESTO

**Inaŭguro de l'Internacia Poŝta Monumento. — Pri la Universala Poŝta Unio. — Homara institucio.**

Se hodiaŭ ni algluas poŝtmarkon sur iun internacian leteron, ni eble plendas pri la alta prezo, eble memoras ke hieraŭ la poŝtoficisto alvenis dek minutojn pli malfrue ol kutime, sed la simpla procedo ŝajnas al ni tiel memkomprenebla kiel la aĉetado de fervoja bileto aŭ kiel, por niaj nepoj, veturi aerŝipe de Eŭropo Usonon. Laborante por gajni la vivon aŭ klopodante por iu nova bela ideo ni uzas senpripense la benojn de nia kulturo kaj forgesas la grandan dankon ŝuldatan al la eminentaj homoj kiuj per siaj geniaj ideoj kaj senlaca laboro kreis la servojn kaj instituciojn hodiaŭ nesepareblajn de l'ĉiutaga vivado. Estis en tiu spirito de dankemeco, ke la 4an de Julio 1900 la reprezentantoj de ĉiuj civilizitaj ŝtatoj kunvenintaj en Bern, la ĉefurbo de Svisujo, decidis unuanime starigi en ĝi monumenton memorigantan unu el la plej gravaj internaciaj kreaĵoj : La Universala Poŝta Unio.

Ĉar por priskribo de la tiel interesa historio de l'poŝto mankas la loko, ni citu almenaŭ kelkajn faktojn denove montrantajn kiel plej ofte la simpleco de iu organizo ne estas la komenco, sed la fina frukto de multaj klopodoj kaj pripensoj.

Aranĝoj por perado de ŝtataj informoj ekzistis jam en la plej antikvaj epokoj, ekz. egipta manuskripto el la epoko de la XIIa dinastio (ĉirkaŭ 2.300 jar. ant. Jes. Krist.) jam parolas pri kuriero. La unuan ŝtatan poŝton organizis Kyros, la fondinto de l'persa regno, kiu instalis iom regulan servon per rajdantaj kurieroj, fiksis la distancojn kaj ekkonstruis poŝtajn staciojn. Ĉe la Romanoj ni trovas la *Cursus publicus*, elirinta el la rapidkuriera servo de Cezaro, kun specialaj veturiloj por la transporto de l'vojaĝantoj. Sed tiu, kiel similaj institucioj en aliaj landoj, servis preskaŭ nur al la ŝtataj bezonoj, ne al la privatuloj.

La militadoj komence de l'mezaĝa epoko forviŝis kun la Roma kulturo ankaŭ la bone organizitan *cursus publicus*. Oni kredas ke Karolo la granda sukcesis rekonstrui tri gravajn liniojn de Francujo al Hispanujo, Italujo kaj Germanujo, sed verŝajne baldaŭ ili ree malaperis.

Iom post iom la disvolviĝo de l'komerco kaj scienco kreis al si la necesajn, kvankam ankoraŭ tre primitivajn peradilojn. Krom la kurieroj de la nobeloj, estis komercistoj, vojaĝantoj, kaj poste precipe la sendintoj de grandaj urboj, universitatoj (Paris, Bologna, Napoli) kaj de monaĥejoj, kiuj, alportis la novaĵojn. Pli poste oni uzis veturilojn kaj aranĝis iom regulan ankaŭ por privatuloj uzeblan servon.

La komenco de l'internacia poŝta servo estas la jaro 1516, kiam Francisko de Taxis ricevis de l'imperiestro Maximilian I la permeson ke liaj rajdantaj kurieroj transiru la imperion ne konsiderante la specialajn rajtojn de l'diversaj teritorioj kaj landoj.

Al la unua linio, kiu iris de Vieno tra Augsburg kaj Liège Bruselon, la Taxis, poste konataj sub la nomo de Thurn & Taxis, baldaŭ aligis novajn, tiel ke ilia institucio kiu poste kunigis la ĉefajn partojn de Eŭropo (Parizo, Romo, Vieno, germanaj kaj flandraj urboj k. t. p.) kaj fariĝis grandege ordigata internacia servo, kvazaŭ universala poŝto.

Dum la lastaj jarcentoj la poŝtoj fariĝis en ĉiuj ŝtatoj « regalo », t. estas speciala privilegio de l'ŝtato kiu ordigis ĝin ĉu farante kontraktojn kun la Taxis aŭ alia kompanio, ĉu iom post iom mem organizante la servon. Same okazis ankaŭ en la eksterеŭropaj landoj, plej frue tie kie la enmigrado de eŭropanoj kaj la starigo de ŝtatoj laŭ eŭropa modelo estis vekinta la bezonon.

Se komence de l'19a jarcento la enlanda sufiĉe bone laboris, la malfacilaĵoj de l'internacia komunikado ne estas priskribeblaj. Diverseco de mono, sennombraj malsamaj regularoj kaj prezaroj de ĉiuj diversaj ŝtatoj, komplikegaj administraj normoj haltigis la peradon de l'poŝtaĵoj. Anstataŭ, kiel hodiaŭ ĉiu ŝtato konservas simple la enspezojn el la poŝtmarkoj kaj senpage prizorgas la fremdlandajn leterojn, tiam la ŝtatoj enregistrigis ĉiun internacian leteron kaj dispartigis fine de l'jaro la enspezojn laŭ kontraktaj proporcioj. Plej ofte pro tio ke la kontraktoj de unu lando kun la diversaj aliaj ne estis samaj, rezultis komplikega kalkulo. Kiel ekzemplo de l'tarifoj ni citas kelkajn prezojn por leteroj senditaj el Svisujo : Germanujon & Aŭstrujon, 15 gram. 10 Sd., Francujon & Italujon, 10 gram. 12 Sd.,

Hispanujon 7,5 gram. 32 Sd., Usonon la samo por 20 gram. Por Japanujo oni pagis por 7,5 gramoj : via Italujo 38 Sd., via Francujo 40 Sd., via Triest-Suez 46 Sd. k. t. p.

Kun landoj kun kiuj la ŝtato de l'sendinto ne havis kontrakton, la prezoj ŝanĝas laŭ la momentaj kondiĉoj faritaj de l'interperadaj ŝtatoj.

La unuaj klopodoj por la tiel necesa simpligo de l'poŝta servo estis faritaj de Usono, kies registaro invitis, en 1863, la aliajn poŝtestrarojn al internacia konferenco. Ĝi okazis en Parizo, sed atingis neniun regulaton. Estis ankoraŭ tro frue. La vera fondinto de l'unio estas la germana ĝenerala poŝtestro, S-ro Heinrich Stephan, kiu, farinte praktikan antaŭprojekton, sukcesis kunvokigi per sia registaro internacian kongreson en Bern, la 15an de septembro 1874. Se la antaŭaj interŝtataj kunvenoj plejmulte celis iujn politikajn interesojn, kaj ankaŭ la Ĝeneva Interkonsento de 1864 pri vunditoj koncernis nur la militistojn, tiu ĉi kongreso havis pli altan celon : la kunigo de ĉiuj. La svisa federala konsilanto Borel karakterizis la kunvenon en sia malferma parolado : « Labori por la fonda de l'internacia posta unuiĝo estas labori por la bono de l'homaro kaj al la granda verko de civilizado. Ĉiuj en tiu rilato efektivigitaj progresoj utilas al la ŝtatoj kiel al la individuoj, al la malriĉuloj kiel al la riĉuloj, al la bezonoj de l'morala mondo kiel al la materiaj interesoj. Ili kontentigas la bezonojn de l'koro kiel tiujn de l'komerco, de l'scienco kaj de l'industrio; ili alproksimigas la naciojn kiel la familiojn kaj helpas al la ideala pliperfektigo de l'homa gento, donante al la homo la rimedojn etendi sian laboron al la tuta terglobo. Ke viaj klopodoj, sinjoroj, estu sukcesplenaj, ke viaj diskutadoj havigu rezultaton dignan de l'graveco de ĝia objekto kaj de l'nuntempaj humanaj ideoj! »

Oni bone sukcesis. Jam la 9an de octobro 1874 la delegitoj povis subskribi la kontrakton de l' « Ĝenerala Poŝta Unio » al kiu tuj aliĝis 22 ŝtatoj. La proksima kunveno, en 1878 en Parizo, plifortigante la kontrakton, donis al ĝi la hodiaŭ uzatan oficialan nomon : « Universala Poŝta Unio ». (Union postale universelle.) Sekvis al tiu de Parizo la universalaj poŝtaj kongresoj de Lisabono 1885, Wien 1891, Washington 1897 kaj Romo 1906 kiuj plifaciligante jam ekzistantajn aŭ kreante novajn servojn plibonigis la poŝtan organizon. El la plej novaj kreitaĵoj ni citas la internacian respondkarton kaj respondkuponojn; aliaj projektoj estas en diskutado, sed pli grava ol novaĵoj ŝajnas al ni ke kelkaj ŝtatoj praktike realigu la jam ekzistantajn sistemojn kiel la poŝtmandojn k. t. p. Hodiaŭ la Universala Poŝta Unio enhavaş sub la sama regularo 73 ŝtatojn kun la britaj kolonioj, kiuj estas kalkulitaj kiel memstaraj ŝtatoj. Ĝia teritorio havas 144 milionojn da kvadratmetroj, okupataj de 1.170.000.000 loĝantoj. Dum 1907 oni ekspedis enlande de ĉiu ŝtato entute 16 1/2 miliardojn da leteroj, internacie 1 miliardon kaj 80 milionojn. Ne partoprenas al la unio nur kelkaj landoj de Afriko kaj Azio, sed en ili ofte troviĝas poŝtoficejoj organizitaj de iu civilizita ŝtato.

Kiel ni komence aludis, internacia delegitaro, festante 1900 je en Bern la 25an datrevenon de l'unio, decidis starigi monumenton. Por la konkurso aranĝita de la svisa registaro alvenis 120 modeloj de la plej famaj skulptistoj de l'mondo, el kiuj S-ro René de Saint-Marceaux en Paris ricevis la unuan premion. Se germano, Stephan, estas la fondinto de l'unuiĝo, se Svisujo havas la honoron posedi en sia ĉefurbo la internacian oficejon, estas la genio franca kiu donis al ĝi en la majstroverko de Saint-Marceaux la egalvaloran artan esprimon. La malfacilan taskon reprezenti per monumento ne la iniciatinton, sed la internan ideon de l'unio li mirinde plenumis, evitante kun fina gusto kunmetadon de ne kompreneblaj alegoriaĵoj aŭ multepezan ŝtonan konstruaĵon. Kvin jarojn da laboro la artisto dediĉis al sia monumento, la tutan lastan someron li estis mem en Bern kie oni povis vidi preskaŭ ĉiutage la simpatian maljunan sinjoron kun la neseparebla pluv-kaj sunombrelo, direktantan la helpantojn.

La monumento staras en publika ĝardeno antaŭ monteto kun grandaj arboj, kies malhelverda muro plialtigas la efikon de la helaj ŝtonoj. Ĝi konsistas el granda ŝtonego el malmola franca granito, vivigata de rivereto fluanta en antaŭan malregulan pelvon. Dekstre sidas en la ŝtonego la Bernanino, serena bronza figuro kun la ursa blazonŝildo en la mano, direktante siajn trankvilajn okulojn al alia pli alta parto de l'ŝtonego kie sur suprenirantaj nuboj flugstaras terglobo. Kvin virinoj, karakterizantaj la partojn de l'mondo, ĉirkaŭas en rapida movado la terglobon donante kaj prenante leterojn.

La figuro de l'Bernanino, la nuboj, terglobo kaj la virinoj estas el multekosta franca bronzo traktita per ĥemiaĵoj tiamaniere ke jam nun ĝi havas la grizverdan koloron respondantan al tiu de l'ŝtono, kiun ĝi nature nur atingus post multaj jaroj. La tuta verko estas digna de la aliaj kreitaĵoj de l'fame konata artisto kaj unu el la ĉefaj artaj vidindaĵoj de Bern, se ne de Svisujo. La monumento estis inaŭgurata la 4an de oktobro per solena oficiala festo, al kiu ĉeestis poŝtestroj kaj specialaj delegitoj el preskaŭ ĉiuj ŝtatoj. Je la rememorigo la svisa registaro eldonis specialajn poŝtkartojn po 2 kaj 4 spesdekoj.

La sukcesplena historio de l'poŝtunio meritas ĝeneralan intereson. Ĉefe ni, esperantistoj, ĝoju pri tiu institucio kiu unuigante la landojn per administra rimedo estis la necesa preparo por la pli alta spirita unuigo per Esperanto. Nur per la internacia poŝto estis eble propagandi kaj la internacian lingvon. Laborante por ĝi, ni bone uzu kaj estimu sian antaŭulon.

Ed. Steitler.

---

**La Oficiala jarlibro de U. E. A.**
**estas necesega al ĉiuj**
**Esperantianoj.**
**Prezo : 25 S-d.**

---

## La Brita Asocio por la progresado de la Sciencoj kunvenas en Kanado

La 79a konferenco de la Brita Asocio por la Progresado de Scienco kunsidis je Winnipeg (Kanado) de Aŭg. 25a ĝis sept. 1a ; S-ro J.-J. Thomson, profesoro de eksperimenta fiziko de la Universitato de Cambridge prezidis.

Tiu ĉi estis la tria fojo kiam la asocio kunvenis en Kanado ; la aliaj estis en Montreal (1884) kaj Toronto (1887). Krom tiuj ĉi la Asocio kunsidis nur unufoje ekster Granda Britujo, nome en Suda Afriko dum 1905. 150 membroj kaj kunuloj (associate members) venis el Usono, 500 el Eŭropo kaj granda numero el ĉiuj partoj de Kanado. Poste la Britaj anoj forveturis tra la diversaj provincoj okcidente de Winnipeg (Manitobo, Saskatĉevano, Alberto, kaj Brita Kolumbio) ĝis Viktorio, B. K., estante gastoj de la diversaj okcidentaj provincoj kaj urboj. La vagonaro konsistis el naŭ el la grandaj Amerikaj dormovagonoj, du manĝovagonoj kaj pakaĵvagono. Kune kun ĉiu vagono estis speciala « konduktoro », unu plenege sperta pri la stato kaj provizoj de la lando.

La kunsido de 1910 okazos en Shefield (Anglujo).

---

## La Postkongreso en Valencio

Tuj post la Kongreso en Barcelono niaj fervoraj samideanoj en Valencio, aranĝis en ĉi tiu tria ĉefurbo de Hispanujo, esperantistan postkongreson.

Proksimume 120 gesamideanoj forlasis Barcelonon mardon matene 14 septembro. Inter ili estis gesinjoroj Zamenhof. Tiu vojaĝo, en la mirinda regiono kiu etendiĝas de la blua Mediteraneo ĝis la montoj, trans la beletaj urboj Tarragono, Belicarlo, Castellon, kaj tra la senfinaj kampoj de aranĝarboj estis tre agrabla. En multaj stacidomoj kie la vagonaro haltis, ni havis la plezuron esti ricevataj je la krioj de : « Vivu Esperanto » « Vivu Zamenhof » multfoje ripetitaj de la tieaj esperantistoj, venintaj por alporti, samtempe kun bononoraj bukedoj de enlandaj floroj al nia majstro la certigon de sia fervoro por nia afero, kaj sian samideanan saluton al la trapasantaj esperantistoj.

La alveno en Valencio vere estis tre imponanta. Nin atendis sur la kajo la urba muzikistaro, kiu, tuj de nia alveno ludis la « Espero » dum D-ro Zamenhof estas akceptata de la urbestraro, kaj eliras el la stacidomo inter du vicoj da bele vestitaj rajdantaj urbogvardianoj.

La vesperon de tiu tago okazis en la ekspozicio la malferma kunveno de la postkongreso. En la komenco, granda ĥoro kantis la belan himnon de la Valencia Ekspozicio, kaj la Espero. Poste la postkongreso estis malfermata per paroladeto de D-ro Zamenhof, de la urbestro, kaj de la tre simpatia kaj tre lerta esperantisto S-ro Inglada. prezidanto de la grupo de Valencio. Ankaŭ parolis, salutante nian majstron kaj la gasteman urbon Valencio S-ro Bourlet, D-ro Mybs, k. a...

La morgaŭan tagon estis ĝenerale uzita por viziti la urbon kun la helpo de niaj Valenciaj samideanoj. Vespere, okazis koncerto kaj balo en la kazino de la ekspozicio.

Ĵaŭdo estis difinita por vizito al antikvo urbo Sagunto. La ekskursantoj forveturis matene tra la bela Valencia kamparo, norden, al la pentrinda kruta monteto, sur kiu restas imponantaj ruinaĵoj de la antikva fortikaĵo de Sagunto.

Malfeliĉe, grava akcidento kiu estus povinta funebrigi tiun belan tagon, okazis dum la vizito de la ruinaĵoj. Aro da personoj sin apogintaj ĉe muro el brikoj, nove starigita post falo de antikva murajo, admiris la belegan panoramon de la urbeto Sagunto, de la urbo Valencia vidata en malproksimeco, ĉirkaŭata de sia nekomparebla kamparo, kaj de la maro kiu, kun la montoj kovritaj de vinberejoj formos la horizonton. Subite, la tero cedis sub ilia pezo kaj en terura nubo da polvo kaj kun timiga bruo, la muro kaj amaso de ŝtonoj defalis sur abrupta deklivo en profundaĵon da almenaŭ 15 metroj, ruliĝante kun si malsupren kvin personojn, du fraŭlinojn el Blois, du sinjorojn el la regiono de Valencio kaj juna samideanon de Barcelono, S-ro José Mattès. Feliĉe la kvar unuaj personoj nur defalis laŭ la duono de la kuntaĵo kaj sukcesis haltigi sin ĉe la rando de rokego alta 6-7 metroj ; kum la helpo de la ĉeestantoj ili povis esti eltiritaj, tute sanaj el sia danĝera situacio. Sed pli malfeliĉa, S-ro Mattès, rulis la tutan abruptaĵon sur la malsupran vojon, kie oni lin trovis duone vivantan kaj serioze vunditan ĉe la kapo kaj ĉe unu kruro.

Du esperantistaj kuracistoj kaj unu loka kuracisto, post rapida ekzameno, deklaris ke neniu osto estis rompita kaj ke verŝajne la vundito nur bezonos kelkajn ripozojn.

En tiu ĉi malgajiga okazo oni devas tute speciale varme danki la Saguntan sekcion de la Ruĝa Kruco, kiu en la daŭro da apenaŭ kvin minutoj alvenis al la vundito kun la necesaj kuraciloj kaj helpantoj, kiuj veturigis S-ron Mattès per speciala transportilo en la lokan hospitalon kaj poste akompanis lin kuŝantan en sama aparato ĝis Valencio, per fervojo.

Post la emociigantaj minutoj tiel travivitaj sed tamen pli trankvilaj pro la espero ke el tiu akcidento rezultas pli da timo ol da malbono, la ekskursantoj iris en la antikvan teatron kie, en pitoreska grupo, ili estis fotografitaj.

La vespero de tiu tago estis la lasta de la postkongresoj ; ĝi ankaŭ estis la plej brila. Tre bela kaj tre ĉarma akcepto estis farita al la esperantistoj de la urbestraro en la urba placo de la ekspozicio. La urbestro mem ĉeestis. kondukis la sinjorinojn al la bele provizita bufedo, kaj per glaso da ĉampavino tostis je Dro Zamenhof kaj Esperanto. Post tiu akcepto, en la tre bela kaj luksa kazino de la Ekspozicio ankaŭ okazis balo, tre gaja, dum kiu oni kantis denove la himnon de la Espozicio kaj la « Espero ».

La morgaŭan tagon kelkaj personoj forvojaĝis al Balearoj, sed la plej multaj Barcelonon, kaj hejmen, akompanitaj ĝis la vagonaro, de la valenciaj samideanoj. Kaj ni kore danku la afablan urbestron mem, kiu dum tiuj ĉi tagoj sin montris tiel favora al nia afero.

---

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

(U. E. A.)

*OFICIALA IMFORMILO*

ADMINISTRA FAKO

**Avizoj al Delegitoj kaj Delegitoj.**

∴ La *Oficiala Bulteno* kun voĉdonilo estis sendita al ĉiuj Delegitoj kaj Subdelegitoj en komenco de oktobro. Oni bonvolu zorge ĝin respondi kiel eble plej rapide.

∴ Tria serio de la tria eldono de la *Jarlibro* estas en preparado. Oni bonvolu sendi plej rapide ĉiujn korektojn por ĝi.

∴ *Ruslingva* eldonado de la propaganda broŝuro pri U. E. A. ĵus aperis. Oni povas ĝin mendi direkte el ni, aŭ el Sro Szalviniewicz, Delegito en Moskvo.

∴ La Oficejo de U. E. A. kun redaktejo de *ESPERANTO* estis translokigita en pli grandan ejon. Ĝi nun sidos *10, rue de la Bourse, Genève*. Ĉiuj niaj korespondantoj bonvolu noti tiu adresŝanĝon.

**Propagando por U. E. A.**

En la komenco de la agada sezono estas necese, ke niaj Delegitoj kaj Subdelegitoj daŭrigu pli fervore ol iam sian laboradon por nia Asocio. Ili klopodu unue por konigi ĝin nepre al ĉiuj samideanoj de sia loko, se tio ne estis jam farita. Por tio la grupaj kunvenoj kun parolado pri U. E. A., ĝia celo kaj la rezultatoj akiritaj, sekvita per disdonado de niaj propagandiloj, estas plej rekomendinda.

Por neesperantista publiko, plej konsilinda estas la organizo de paroladoj, en kiuj oni konigos la servojn de U. E. A. kaj la profitojn riceveblajn per ĝi el diversaj vidpunktoj. En tiuj paroladoj oni laŭ eble disdonu aŭ disvendu niajn nacilingvajn propagandilojn, kiuj enhavas la esencon de la parolado. Ĉiu parolado estu sekvata de kurso memkompreneble organizata de la loka grupo. Ĉe tiu kurso nia Delegito devos klopodi por ke ĉiuj lernantoj aliĝu al U. E. A. en la fino de sia studado kaj tiel povu laŭ okaze uzi la scion ĵus de ili akiritan.

Ankaŭ utila estas la publikigo de gazetartikoloj pri nia Asocio, ĝiaj servoj kaj ĝia signifo. Se la gazeto estas specialfaka, oni aparte insistos pri la fako, kiu ĝin koncernas. Oni ofte petas de ni planon por parolado aŭ gazetartikolo. Por ĉi tio plej rekomendinda estas nia propaganda broŝuro Esperanta aŭ nacilingva, kiun oni povos longigi aŭ mallongigi laŭ la cirkonstancoj.

**Esperantiaj Asocioj.**

Ni rememorigas ĉiujn grupojn pri la institucio de la Esperantiaj Asocioj, kiu permesas al ili uzi kiel societoj ĉiujn servojn de U. E. A. kaj oficiale ekzisti interne de ĝi. La aliĝo kiel Esperantia Asocio estas absolute senpaga. La solaj kondiĉoj estas : 1e Ke ĉiuj aktivaj membroj de la aliĝanta grupo estu Esperantianoj ; 2e ke la aliĝanta grupo sendu al ni 2 ekz. de sia regularo. La nomo de la estraro estas enskribata en la Jarlibro.

Jam kelkaj grupoj uzis tiun sistemon kaj en la praktiko trovis ĝin tre utila, ĉar ĝi multe faciligas la enkasigon de la kotizaĵoj kaj ebligas oficialan rilatiĝon de la grupo kun nia Asocio.

KOMERCA FAKO

**Reklama subfako.**

Ni rememorigas, ke la reklama subfako sidas nun *15, rue Amiral-Roussin, Dijon* (Francujo). Al ĉi tiu adreso devas esti sendataj ĉiuj pakaĵoj entenantoj objektojn por disdonado. La tarifo estas : 0.50 $ po 100 adresoj skribataj, se la kovertoj estas liverataj de U. E. A, ; se ne 0.30 $ po 100, plus la poŝtelspezoj.

**Pri respondoj.**

Por respondi diversajn petojn ni denove klarigas, ke la Delegitoj havas la devon respondi nur la korespondaĵojn, kiuj havas markon aŭ kuponon por la respondo — escepte se la informpeto estas farata de fakestro — kaj subskribataj per la membronumero de la petanto. La cirkulerojn presatajn, k. t. p. ili tiel same devas respondi, nur se ili estas akompanataj de marko, kupono aŭ ekvivalenta respondilo. Nia Asocio studas nun pli bonan sistemon por pagado de respondoj. Praktikaj rimedoj ne mankas, sed ĉiuj renkontus tiajn samajn leĝajn malhelpojn, kiajn renkontis la pagilaj markoj eldonitaj de S-ro Tellini. Tamen ni esperas trovi solvon. Dume oni uzu la ĝisnunan manieron.

**Enketoj.**

La Esperantiaj entreprenoj, kiuj deziras fari enketon pri iu ajn demando, devas procedi jene :

1e Presigi iel ajn cirkuleron, kiu enhavos tre precizajn demandojn pri la temoj, kies respondo estas dezirata ;

2e Montri sur la cirkulero mem, ke la sendanto estas Esperantia entrepreno ;

3e Sendi la nomitan cirkuleron kun respondkupono aŭ respondkarto al la Delegito aŭ Subdelegito de ĉiuj regionoj, pri kiuj respondado estas dezirata ;

4e Konigi al la komitato de U. E. A. ĉiujn Delegitojn kaj Subdelegitojn, kiuj ne estos respondintaj cirkuleron aŭ informpeton senditan en tiaj kondiĉoj.

Kiam informpeto estos koncernanta ian fakon, la Delegito nepre ĝin respondigu per la konsulo de tiu fako. Se ĝi estas tro teknika, la konsulo rilatu kun la institucioj de sia Coko, kiuj povos havigi al li la necesajn informojn. Tial, por esti preta respondi ĉiujn demandojn, la konsulo, tuj post sia elektiĝo, devas kolekti la adresojn de ĉiuj institucioj agentoj, k. a. de sia regiono, kiuj povus laŭ okaze doni teknikajn informojn pri tia aŭ alia parto de lia fako.

**Demandoj studotaj,**

Dum ĉi tiu jaro la jenaj demandoj estos studataj de la komerca fako, kiu plezure ricevos ĉiujn opiniojn, proponojn, projektojn pri ili :

1e Servo por havigo de komercaj reprezentantaj al la Esperantiaj entreprenoj (propono de S-ro Cazeaux).

2e Servo por dungado.

3e Sistemo por faciligi la pagon de la respondoj.

---

MONUMENTO DE L'INTERNACIA POŜTA UNIO. --- Berne (Svisujo)

---

FELIETONO DE « ESPERANTO »

15

## RAKONTO

PRI

# SEP PENDIGITOJ

De Leonid ANDREJEV

Dediĉita al Lev. Nikolajeviĉ Tolstoj

### XI. Oni veturigas ilin

Unu post la alia silente alruliĝis mallumaj kaleŝoj, enprenis po du kaj foriris en mallumon, al ŝanceliganta en la pordego lanterno. Ĉiun kaleŝon ĉirkaŭis eskortistoj, kiel grizaj siluetoj, kaj la hufoj de iliaj ĉevaloj laŭtsone frapis aŭ plaŭdis en la malseka neĝo.

Kiam Verner kliniĝis por rampi en kaleŝon, la ĝendarmo maldifinite diris :

— Kun vi veturos ankoraŭ unu tie ĉi.

Verner miris :

— Kien ? Kien do li veturos ? Ah, jes ! ankoraŭ unu ? Kiu do li estas ?

La soldato silentis. Efektive en angulo de l'kaleŝo en mallumo premiĝis io malgranda, senmova, tamen vivanta — ĉe la oblikva lanterna radio ekbrilis malfermita okulo. Sidiĝante Verner ekpuŝis per la piedo genuon.

— Pardonu, kamarado.

Tiu ne respondis. Nur kiam ekmoviĝis la kaleŝo, li subite en kripla rusa lingvo demandis balbutante :

— Kiu vi estas ?

— Mi estas Verner, kondamnita al pendigo pro la atenco kontraŭ N. N. kaj vi ?

— Mi estas Janson. Oni ne devas min pendigi.

Ili veturis por post du horoj ekstari antaŭ la nesolvebla granda mistero, por forici el vivo al morto — kaj konatiĝis. La vivo kaj la morto samtempe iris en du ebenaĵoj, kaj la vivo restis vivo ĝis la plej ridindaj kaj absurdaj detaloj.

— Kaj kion vi faris, Janson ?

— Mi buĉis la mastron per tranĉilo. Ŝtelis monon.

Laŭ la voĉo ŝajnis, ke Janson ekdormas. En mallumo Verner trovis lian velkan manon kaj premis. Janson ankaŭ malvigle forpenis ĝin.

— Vi sentas teruron ? — demandis Verner.

— Mi ne volas.

Ili silentis. Verner ree trovis la manon de Estano kaj forte premis ĝin interi saj sekaj varmegaj manplatoj. Ĝi kuŝis senmove kiel tabuleto, sed Janson ne provis plu ĝin forpreni.

En kaleŝo estis malvaste kaj sufoke, odoris soldata tuko, ŝimaĵo, sterko kaj ledo de malsekaj botoj. Juneta ĝendarmo, sidinta kontraŭ Verner, spiris al li per varmega miksita odoro de bulbo kaj malbona tabako. Sed tra iaj fendoj penetris akra kaj freŝa aero, kaj tial en la malgranda, sufoka, moviĝanta kesto oni sentis la printempon eĉ pli, ol ekstere. La kaleŝo turnis jen dekstren, jen maldekstren, jen kvazaŭ returnen ; iafoje ŝajnis, ke ili jam longajn horojn turniĝas ial sur unu loko. Komence tra mallevitaj densaj fenestraj kurtenoj penetris blueta elektra lumo ; poste kiam oni faris unu turnon, subite mallumiĝis, kaj nur tial oni povis konjekti, ke oni veturis en surdaj apudurbaj stratoj kaj proksimiĝas al S-skin stacidomon. Iafoje dum krutaj turnoj la vivanta fleksita genuo de Verner amike puŝis la same vivantan fleksitan genuon de ĝendarmo kaj estis malfacile kredi la ekzekuton.

— Kien ni veturas ? — subite demandis Janson. Lia kapo iom turniĝis kaj li sentis naŭzon pro la daŭra turnado en malluma kesto.

Verner respondis kaj pli forte premis la manon de Estano. Li sentis la deziron diri ion aparte amikan, karesan al tiu ĉi malgranda dormema homo, kaj li jam amis lin pli, ol iun ajn dum la vivo.

— Kara ! Ŝajnas, ke vi sidas maloportune. Alŝoviĝu tien ĉi, al mi.

Janson silentis iom kaj respondis :

— Nu, dankon. Mi sidas bone. Kaj vin oni ankaŭ pendigos ?

— Ankaŭ ! — neatendite gaje, preskaŭ kun rido respondis Verner kaj iel aparte malĝene kaj facile svingis la manon. Kvazaŭ la afero estis pri ia malsaĝa kaj malgrava ŝerco, kiun deziras fari je ili karaj, sed troe petolemaj homoj.

— Edzino estas ? — demandis Janson.

— Ne. Kia do edzino ! Mi estas sola.

— Mi ankaŭ estas sola. Sola (en ina sekso), ekpensinte, plireguligis Janson la esprimon, ŝajniatan al li malregula.

Ankaŭ ĉe Verner komencis turniĝi la kapo. Kaj iafoje ŝajnis, ke ili veturas al ia festo ; strange, sed preskaŭ ĉiuj, veturintaj al ekzekuto, sentis la samon kaj kune kun la angoro kaj teruro ili malklare ĝojis pri tio, kio tuj okazos. La efektiveco ĝuadis malsencon kaj imagoj naskis morton, kunplektitan kun la vivo. Estas tre ebla, ke sur la domoj flirtis flagoj.

— Jen ni alveturis ! — diris Verner scivole kaj gaje, kiam haltis la kaleŝo, kaj facile elsaltis. Sed ĉe Janson la afero iom prokrastiĝis : silente kaj iom malvigle li obstinis kaj ne volis eliri. Li kaptas la prenilon, la ĝendarmo malpremigas la malfortajn fingrojn kaj fortiras la manon ; li kaptas la angulon, la pordon, la altan radon — kaj tuj, post malgranda peno de ĝendarmo, ellasas. Eĉ ne kaptas, sed pli vere dormeme algluiĝis al ĉiu obojekto la silentanta Janson — kaj malgluiĝis facile kaj sen perforto. Fine li stariĝis.

Flagoj ne estis. Kiel nokte la stacidomo estis malluma, senviva kaj malplena ; la vagonaroj jam haltis, kaj por tiu vagonaro, kiu sensone atendis tiun ĉi vojaĝantojn sur relvojo, oni bezonis nek helajn lumojn, nek agitiĝon. Subite Verner ekenuis. Ne teruron, ne angoron li sentis, sed enuon, — grandegan, etendiĝan, laciĝan enuon, de kiu oni deziras ien foriri, kuŝiĝi, forte fermi la okulojn. Verner etendiĝis kaj daŭre ekoscedis. Etendiĝis kaj rapide kelkfoje seninterrompe oscedis ankaŭ Janson.

— Oni baldaŭigu almenaŭ ! — diris Verner laceme. Janson silentis kaj mizeriĝis.

Kiam la kondamnitoj moviĝis sur la perono, ĉirkaŭita, de soldatoj, al nehele lumigitaj vagonoj, Verner okaziĝis apud Sergej Golovin ; kaj tiu, montrinte ien flanken per la mano, komencis paroli, sed klare oni aŭdis nur unu vorton « lanterno » kaj la fino dronis en daŭra kaj laciga oscedo.

— Vi kion diras ? — demandis Verner, respondinte ankaŭ per oscedo.

— Lanterno. La lampo en lanterno fulgas, — diris Sergej. Verner rerigardis : vere la lampo en lanterno tre fulgis kaj supre la vitroj jam nigriĝis.

— Jes, fulgas.

Kaj subite li ekpensis ! cetere, kio tuŝas min, ke lampo fulgas, kiam... La samon, evidente, pensis ankaŭ Sergej : li rapide ekrigardis Verneron kaj forturniĝis. Sed ili ambaŭ ĉesis oscedi.

Ĉiuj iris mem al vagonoj, nur Jansonon oni devis konduki sub la brakoj : komence li alpremis la piedojn, kvazaŭ algluis la sojlojn al tabuloj de perono, poste li fleksis la genuojn kaj ekpendis sur la manoj de ĝendarmoj, liaj piedoj tiriĝis, kiel ĉe troa ebriulo, kaj la piedpintoj skrapis la lignon. Kaj longe oni enŝovadis lin en pordon, sed silente.

Ankaŭ Vasilij Kaŝirin moviĝis mem, senkonscie kopiante la movojn de kamaradoj — li faris ĉion, kiel ili. Sed leviĝante al vagonperono, li faletis kaj ĝendarmo prenis lin ĉe la ulno por subteni, — Vasilij ektremis kaj, ekfortirinte la manon, laŭtege ekkriis : — Aj !

Vaĉjo, kio estas kun vi ? — ekrapidiĝis al li Verner. Vasilij silentis kaj tremegis malfacile. La konfuzita kaj eĉ ĉagrenita ĝendarmo klarigis :

— Mi volis « ilin » subteni, kaj ili...

— Ni iru, Vaĉjo, mi subtenos vin, — diris Verner kaj volis preni lian manon. Sed Vasilij ree fortiris la manon kaj ree eĉ pli laŭte ekkriis:
— Aj !

— Vaĉjo, ĝi estas mi, Verner.

— Mi scias. Ne tuŝu min. Mi mem.

Kaj daŭrante tremadi, li mem iris en vagonon kaj sidiĝis en angulo. Kliniĝinte al Musja, Verner mallaŭte ŝin demandis, montrante per la okuloj Vasiljon :

— Nu, kiel ?

— Malbone, — same mallaŭte respondis Musja. Li jam mortis. Verner, diru al mi, ĉu ekzistas morto ?

— Mi ne scias, Musja, sed mi pensas, ke ne, — respondis Verner serioze kaj enpenseme.

— Mi ĝuste tiel opiniis. Kaj li ? Mi konsumiĝis kun li en kaleŝo, kvazaŭ mi veturis kun mortinto.

— Mi ne scias, Musja, eble por iuj morto ekzistas. Dume, kaj poste tute ne estos. Jen ankaŭ por mi ekzistis morto, kaj nun ĝi ne ekzistas.

La iom paliĝintaj vangoj de Musja ekflamiĝis.

— Ĝi estis, Verner ? Estis ?

— Estis. Nun ne. Kiel por vi.

Ĉe la pordo de l'vagono oni ekaŭdis bruon. Laŭte frapante per kalkanumoj, spirante laŭte kaj elkraĉante, eniris Miŝka Ciganok. Li ĵetis rigardon kaj haltis obstine :

— Ĝendarmo, ĉu tie ĉi estas lokoj ? — kriis li al lacigita, kolere rigardinta ĝendarmo. Donu al mi tiel, ke ĝi estu por mi oportuna, se ne, mi ne veturos, pendigu tie ĉi, sur lanterno. Ankaŭ kaleŝon oni donis, hundidoj, — ĉu ĝi estas kaleŝo ! Ventro de diablo, sed ne kaleŝo !

Sed subite li klinis la kapon, etendis la kolon kaj tiel ekmarŝis antaŭen, al aliaj. El la malorda konturo de haroj kaj barbo liaj okuloj rigardis sovaĝe kaj akre kun iom freneza esprimo.

— Ah ! sinjoroj ! — diris li malrapide. — Jen kio estas ! Saluton, moŝto !

Li ŝovis la manon al Verner kaj sidiĝis kontraŭ li. Kaj alkliniĝinte proksime palpebrumis per unu okulo kaj rapide tratiris la manon ĉe la kolo.

— Ankaŭ ? Ah ?

— Ankaŭ ! ridetis Verner.

— Do ĉu vere ĉiujn ?

— Ĉiujn.

— Oho ! dentaĉis Ciganok kaj rapide pripalpis ĉiujn per okuloj, momenton pli longe haltis ĉe Musja kaj Janson ; kaj ree palpebrumis al Verner :

— Ministron ?

— Ministron. Kaj vi ?

— Mi, moŝto, pro la alia afero. Kiel do ni povas atingi ĝis la ministro ! Mi, moŝto, estas rabisto, jen kiu mi estas. Mortigisto. Nenio, moŝto, ŝoviĝu, ne propravole mi trafis en vian kompanion. En tiu mondo lokoj sufiĉos por ĉiuj.

Trad. Dro J. Ostrovsky.

(Daŭrigota.)

---

## IXa LISTO de ESPERANTIANOJ

*kiuj pagis por 1909*

VILNA (47-67). — S. D. K. Nievenglovski. — 1. A. Békkerman ; 2. T. Ĥabas ; 3. G. Deŝkin ; 4. K. Nievenglovski.

. . . , . . . . . . . . . . . . . *Tuta sumo : 4.*

TIFLIS (47.9). — D-ro A. Fiŝer. — 24. S-ro Ĉekunov ; 25. L, Belke ; 26. T. Tirosjan ; 27. V. Gogidze ; 28. S. Tiŝĉenko ; 29. M. Ivanov ; 30. L. Skrzinski ; 31. A. Avetisov ; 32. N. Kelarev ; 1. A. Fiŝer ; 33. J. Zavriev ; 17. S. Biĉkovski ; 12. F-ino Pavlov ; 34. I. Salman ; 21. K. Schrœder ; V. V. Sirunjan ; 8. J. Ĉastoperov ; 22. A. Apresjan ; 3. J. Asaturov ; 20. S. Aldadanov ; 13. V. Koljubakin ; 35. J. Parsegov ; 36. G. Ekimjanc ; 37. F-ino L. Lepoŝinski ; 38. V. Saakjam ; 18. B. Urepjan ; 39. A. Vanecov ; 40. G. Petrosjan ; 41. A. Srabjan ; 16. A. Arumov ; 42. F-ino E. Sokolov ; 10. J. Jankovski ; 43. H. Ter-Astvacaturjan ; 44. A. Akopov ; 45. T. Avetjan ; 3. N. Turĉenko ; 1. Zorin ; 2. Gluŝenko.

. . . . . . . . . . . . . . . . . *Tutu sumo : 83.*

4e Servo por havigo de informoj pri pagokapablo de la komercistoj.

5e Eldono de komerca adresaron kaj libro (propono de S-ro Balliman).

Ĉiuj Eperantianoj, kiuj dezirus elmeti ideon aŭ proponon pri tiuj demandoj skribu pri ĝi al la oficejo de U. E. A.

La informilo de la aliaj fakoj aperos en la proksima No.

**Esperantiaj Entreprenoj**
(6a Listo)

Dresden : *R. Hüttig kaj Sohn*, fabriko de fotografaj aparetoj, Dresden, 21.

Hamburg : *Krajonfabriko « Jupiter »*, S-roj Guhl kaj Horbeck, Hamburg, 35 s.

Havre : *Havra Esperantista Komercejo*, rue Ernest-Renan, 77.

Leipzig : *Germana Esperanto Librejo*, Kœnigstrasse, 19.

Melbourne : *Melburna Esperantista Klubo*, (224, Hiuderstrasse), P. : G. Booth ; S. W. P. Drummond.

Roubaix : *Esperantista Grupo* (rue de la Gare, hôtel Ferraille), P. : Ch. Dorian ; Sro Ch. Lamère ; L. Vemthier.

Entute 87 Esperantiaj entreprenoj, 10 Esperantiaj Asocioj.

— Pri ĉiuj informoj pri Esperantiaj entreprenoj kaj asocioj oni petu de ni la necesan aliĝilon.

Ĉiuj grupoj, kiuj aliĝas kiel entreprenoj aŭ asocioj (2 $ jare) estas presataj sur la oficiala jarlibro kun la nomaro de sia estraro.

# RAPORTO

**pri la financa situacio de U. E. A.**

*farita en la Va Kongreso de Sro Rousseau Finanka Fakestro*

Estimataj gesamideanoj,

*Nuna financa situacio*

Mi unue resumas la hodiaŭan situacion de niaj financoj per tre malmulte da ciferoj.

La 1an de septembro 1909, estis en la diversaj kasoj de U. E. A. entute Sm. 277,53.

Je la sama tago la ŝuldoj de U. E. A. estis da Sm. 174,37.

Sekve la havaĵo de la Asocio estis Sm. 103,16.

*El- kaj enspezoj dum la lastaj dekdu monatoj*

Vi scias ke la financa jaro de U. E. A. ne finiĝas je la dato de la Kongreso, sed ke ĝi finiĝas la 31an de decembro ; sekve mi ne volas tie ĉi raporti detale pri la enspezoj kiujn ni faris. Ĉi tiun raporton mi faros dum monato januaro, kaj ĝin publikigos en Esperanto.

Tamen, por ke vi sciu, almenaŭ nedetale de kiuj specoj estas niaj en- kaj elspezoj, mi povas diri al vi, ke dum la lastaj dekdu monatoj ni elspezis proksimune :

| | | |
|---|---|---|
| Oficejaj elspezoj (poŝtmarkoj, leterpapero k. a.) | Sm. | 350 |
| Ekspedado de insignoj, jarlibroj, cirkuleroj k, a. | | 390 |
| Premioj diversaj . . . . | | 120 |
| Presaĵoj (enkalkulante la jarlibrojn) . . . . . . | | 1.000 |
| Insignoj . . . . . . . . | | 270 |
| Bolonia ekspozicio kaj itala broŝuro . . . . . . | | 75 |
| Salajroj de la oficistoj . . | | 120 |
| Sumo . . . | Sm. | 2.325 |

La enspezoj estis ĉefe jenaj :

| | | |
|---|---|---|
| 1.000 kotizaĵoj por 1908 : 1.000 × 0.16 . . . . . | Sm. | 160 |
| 4.000 kotizaĵoj por 1909 : 4.000 × 0,24 . . . . . | | 960 |
| 60 kotizaĵoj de Esperantiaj entreprenoj 60 × 2 . . | | 120 |
| Donacoj . . . . . . . | | 580 |
| Sumo. . . | Sm. | 1.820 |

La cetero de la enspezoj devenas de la jarlibroj, insignoj, broŝuroj, leterpapero, venditaj al niaj Delegitoj kaj membroj kaj jam pagitaj. Aliparte multaj venditaĵoj estas enskribibitaj en la kontojn de niaj Delegitoj sed ne ankoraŭ pagitaj : ili baldaŭ estos enspezataj.

Nun mi deziras fari kelkajn rimarkojn.

*Salajroj*

Vi vidas, ke dum la lasta jaro, la elspezoj por oficistoj estis nur da Sm. 120. De la monato majo ĝis septembro 1908, la tuta laboro estis farita senpage de bonvoluloj ; de septembro 1908 ĝis majo 1909 ni donis 4 Sm. ĉiumonate al helpanto en Beaune, por zorgi pri la kontolibroj de la Delegitoj kaj Subdelegitoj, dum nia senlaca vicprezidanto S-ro Hodler tute sola en Ĝenevo respondis milojn da leteroj kaj zorgis pri ĉiuj detaloj de la Fako Administrado. La ekspedado de la cirkuleroj estis farita ankaŭ senpage kaj plej sindoneme de nia komitatano S-ro P. Blaise en Londono kaj poste, de S-ro Balandra en Chalon. Sed, pro la konstanta kresko de la laboro, ni devis dungi sekretarion en Ĝenevo por la korespondado, kaj alian en Dijon, por la ekspedado ; kaj ni devos, tuj post la Kongreso dungi trian sekretarion, aŭ pligrandigi la salajron de la du unuaj por zorgi pri la kontolibroj de niaj 700 Delegitoj ; tiu laboro estis farita, plej zorgeme de la monato majo 1909 ĝis nun, de nia fervora Delegito en Neufchâtel, S-ro G. Strœlé ; sed nun ĝi fariĝas nepre tro grava por liaj fortoj.

*Donacoj*

Kiel mi diris pli supre, ni ricevis ĝis nun Sm. 580 da donacoj. Memkompreneble, en ĉi tiun monsumon mi enskribis nur la efektive ricevitajn mondonacojn kaj neniam promesitajn donacojn. Ekzemple mi neniam enskribis la monsumon al ni firme promesitan de S-ro Roy, per leteroj kaj telegramo por kreo de nova Fako Aerveturado kaj aerveturadoj konkursoj en Moresnet. Efektive, ni ne sukcesis ĝin ricevi de S-ro Roy, kiu nun kuŝas, de multaj monatoj, en sia lito pro neŭrastenio tiel grava, ke lia kuracisto absolute malpermesas ke li legu kaj respondu kiujn ajn leterojn al li alsenditajn. Ni tuj post la Kongreso denove klopodos por informiĝi ĉu ni povos ricevi almenaŭ iom de la promesita mono, sed mi treege opinias, ke estas pli saĝe por ni tute forlasi tian esperon.

*Pri kreo de monprovizo*

Rezultas el la ciferoj kiujn mi citis en la komenco de tiu raporto ke, dum ni havis deficiton da Sm. 212,20 la 31an de septembro 1908, ni nun havas havaĵon da Sm. 103,16.

Tamen nia financa situacio ne estas tiel kontentiga kiel ni dezirus ke ĝi estu. Efektive, nia buĝeto estas nun sufiĉe vasta. Ni devas elspezi proksimume ĉiumonate Sm. 200 entute. Sed, memkompreneble, povas okazi ke, ekzemple en la komenco de nova jaro, ni devas, por dissendado de cirkuleroj, novaj membrokartoj k. a., por fari novan eldonon de jarlibroj, k. a., elspezi ĝis 300 aŭ 400 Sm. dum sama monato, dum en aliaj monatoj ni elspezas nur Sm. 50. Aliparte, niaj enspezoj, kiuj estas, meznombre, da Sm. 220 ĉiumonate, ankaŭ povas varii de Sm. 150 ĝis 300. Povas do okazi ke ni devas elspezi dum unu monato Sm. 400, kaj ke ni enspezos nur 150. Estas do absolute necese ke ni havu ne nur neniun deficiton, sed ankaŭ ke ni havu konstante en la Centra Kaso monprovizon da Sm. 300 aŭ 400, almenaŭ.

Kiel ekzemplon, mi povas citi ke, en tuja estonteco, ni devos pagi proksimume Sm. 190 por la lastaj serioj de l'jarlibro, kaj por la lasta mendo de insignoj, 80 Sm. por diversaj presaĵoj, 40 Sm por la sendelspezoj de la Subfako Ekspedado : entute 310 Sm. Tiun monsumon mi ne enkalkulis en la debiton de U. E. A. ĉar ni ne ankoraŭ ricevis la rilatajn fakturojn. Ĝi estos pagata per la enspezoj de la monatoj septembro kaj oktobro, kaj mi estas certa ke tiuj enspezoj estos sufiĉaj, ĉar niaj Delegitoj ŝuldas al ni, laŭ la kontolibroj, pli ol Sm. 500. Sed ni povus agi ankoraŭ pli libere kaj pli trankvile se ni havus en la Centra kaso kelkajn centojn da Sm. tute pretajn por urĝaj okazoj.

Krei tiun monprovizon, *sen pruntoj*, tio do estos mia tasko dum la venonta jaro. Mi do esperas ke oni ankoraŭ helpos al ni por tio, same kiel oni helpis al ni por forigi la deficiton de la antaŭa jaro, per mondonacoj. Jam mi havas la ĝojon konigi al vi ke nia amata Prezidanto, S-ro Mudie, tuj donacis al mi, por komenci tiun novan serion da donacoj, la monsumon da Sm. 50. Li bonvolu por tiu nova grava helpo, ricevi niajn plej sincerajn dankojn.

Ni memorigas ke ĉiu donacinto de almenaŭ Sm. 10 estas bonfarinta membro de nia Asocio ; ĉiu estinta kaj estonta bonfarinto membro ricevos specialan karton.

Th. Rousseau,
*Financa Fakestro.*

**Konstanta mondonacado por U. E. A.**

(La nomoj presitaj per dikaj literoj montras la bonfarintaj membroj).

| | | | |
|---|---|---|---|
| | Antaŭa sumo | $ | 552 73 |
| S-roj | Gerlivanov (Rostov) | | 0 38 |
| | Lee von Egloffstein (Rebdord) | | 5 » |
| | W. Hipsley (Birmingham) | | 0 14 |
| | J. E. Trary (Prairie du chien) | | 0 40 |
| | Dr J. Jones (Leigh) | | 2 50 |
| | Blogoveŝĉen (Wirmitza) | | 0 28 |
| | Petterson (Stavanger) | | 0 20 |
| | Duprey (Meisseugne) | | 0 24 |
| | Cestre (Auxerre) | | 0 04 |
| | Jannasch (Leipzig) | | 0 74 |
| | Bowm et Cromer | | 10 9 |
| | *R. Mac Kinnon* (Invercargill | | 10 » |
| | Hoffmann (Atlantic City) | | 2 » |
| | Tomiĉ (Waldbach) | | 0 04 |
| | Briceno (Caracas) | | 4 44 |
| | Thibon (Foix) | | 0 44 |
| | Goasguen (Brest) | | 0 15 |
| | *H.-B. Mudie* (London) | | 50 » |
| | *Anonimulo* | | 40 » |
| | Brunowski (Dvinsk) | | 0 43 |
| | *D-ro Mybs* (Hamburg) | | 10 » |
| | Thierack (Rio Grande de Sul) | | 5 » |
| | Dewar (Glasgow) | | 2 89 |
| | Sumo | | 688 23 |

*ETATO de la Financoj dum monatoj*

| Julio | | Enspezoj | Elspezoj |
|---|---|---|---|
| Fako Administrado | $ | 199 13 | 29 25 |
| Subfako Varbado | | | 1 26 |
| Subfako Ekspedado | | | 25 26 |
| Fako Financoj | | 7 48 | 160 68 |
| Subfako Kalkulado | | | 0 44 |
| Sumoj | | 207 61 | 216 59 |
| En kasoj la 1an de julio | | 234 32 | |
| En kasoj la 1an de aŭgusto | | | 225 34 |
| Bilanco | | 441 93 | 441 93 |

| Aŭgusto | Enspezoj | Elspezoj |
|---|---|---|
| Fako Administrado | 138 56 | 188 76 |
| Subfako Ekspedado | | 61 80 |
| Fako Financoj | 0 72 | 8 16 |
| Subfako Kalkulado | | 2 74 |
| Sumoj | 139 28 | 261 46 |
| En kasoj la 1an de aŭgusto | 225 34 | |
| En kasoj la 1an de septembro | | 103 16 |
| Bilanco | 364 62 | 364 62 |

**Grava avizo al niaj Delegitoj**

Ni dum monato oktobro sendis aŭ sendos al ĉiuj Delegitoj kaj Subdelegitoj kopion de ilia konto.

Ili bonvolu nepre, en la tempolimo da 15 tagoj post ricevo de tiu kopio, la sendi monon de ili ŝulditan al *Esperantio 10, rue de la Bourse, Genève (Suisse)* (ne al Financa Fako en Beaune), aŭ se enŝoviĝis eraro en la kalkulon, plendi al la sama adreso, en la sama tempolimo.

*La Financa Fakestro,*
Th. ROUSSEAU.

# La Faktoj

*Sept. 13.* — Santiago de Ĉilio. — Nova ministraro kun Ismael Tocornal.

Luko. — Inaŭguro de la 2a ekspozicio de moderna arto.

14. Ĝenevo. — Inaŭguro de la 2a Kongreso de la junaj Egiptanoj.

16. Gerace. — Piroteĥnia bombo per eksplodo mortigas 10 personojn.

Bruselo. — Kongreso de belga federaĵo de libera penso.

17. S. Marino. — Estas elektitaj kiel regantaj kapitanoj S-roj Robicorni kaj Maraucci.

18. La Paz. — Subskribo de portokolo por la limigo de la Peruaj kaj Bolivioj landlimoj.

19. Peterburgo. — Jubileo de la centa datreveno de aliĝo de Finlando al Rusujo.

20. Melila. — Batalo inter Hispanoj kaj Maŭroj. La lastoj havas 90 mortintojn kaj 400 vunditojn.

Brescia. — Inaŭguro de monumento al itala ŝtatisto Zanardelli.

21. Fire Ireland. — Alveno de vaporŝipo Oscar II kun Doktoro Cook. Grafo Lambert plenumas la unuajn noktajn flugojn per aeroplano.

24. Boulogne-sur-Mer. — Kapitano Ferber mortas por aeroplana akcidento.

25. Moulins. — Falado de franca aerŝipo « République ». Morto de la kvar kondukistoj.

Parizo. — Inaŭguro de la 1a ekspozicio aeronaŭtika.

26. Moulins. — Solena enterigo de la viktimoj de la aerŝipa malfeliĉo.

Berlino. — Komenco de la aviada semajno.

A. Tellini.

**Ĉiuj Esperantianoj nepre devas uzi la Esperantiajn Markojn vendatajn por la profito de centra kaso de U. E. A. 1 S-d por ekzemplero (minimuno 10)**

# Esperantiaj Informoj

**Davos** (Svisujo). — La klubo eldonis sub la aŭspicioj de U. E. A. belan ilustritan gvidfolion pri tiu vintrorestadejo, ĉiujare vizitata de miloj da fremduloj.

**Düsseldorf** (Germanujo). — Multaj gesamideanoj de U. E. A. en tiu ĉi somero vizitinte nian urbon uzis la servojn de nia asocio. Oni sin reĉiproke konvinkis pri la utileco de U. E. A. La grava urba informejo « Verkehrsverein » Graf-Adolfstr., 91, sendas al ĉiuj petontoj ilustritan gvidlibron de Düsseldorf. La Delegito petas la gesamideanojn, postuli tiun ĉi libron, por helpi al li, la societon pli favoriĝi al U. E. A. La societo korespondas en Esperanto. Multan dankon antaŭe.

**Ĝenevo** (Svisujo). — La centra oficejo de U. E. A. transloĝiĝis en pli grandan loĝejon, kiu sidos 10, rue de la Bourse. La loka Esperanto-Oficejo estas ĉe la sama adreso.

**Grenoble** (Francujo). — La grupo de tiu loko eldonigis sub la aŭspicioj de U. E. A. gvidfolion, presitan je multaj ekz. Tiu gvidfolio estis dissendita per la reklama subfako de U. E. A. kaj ankaŭ disdonita ĉe la kongreso. Imitinda ekzemplo.

**Hœchst** a/m (Germanujo). — Esperanto oficejo kaj Esperanto-elmontrajo estis malfermitaj ĉi tie. Krom tio estis starigita Internacia Instituto, por instruado de naciaj kaj Esperanta lingvoj.

**Leipzig** (Germanujo). — La 24 Septembro okazis ĉi tie la unua konsila kunveno de la freŝe fondita Esperantia grupo « Universo ». Krom diversaj detaloj pritraktitaj oni prikonsideris la regularon kaj elektis la estraron, jene : Prezidanto S-ro M. Jannasch ; Vic-prezidanto-sekretario, S-ro Sauerbrey ; kasisto, W. Fries. Ankaŭ estis akceptita paragrafo, laŭ kiu ĉiu aliĝonto devas aliĝi al U. E. A. kaj aboni ĝian oficialan organon. Per tio la grupo estas la Esperantia-Asocio. Post paralado de nia fervora Delegito, S-ro Kœtz, ĝi decidis baldaŭ eldoni gvidfolion de urbo Leipzig. Ĉiu petonto ricevos pluajn informojn pri la urbo. Travojaĝontoj estas petataj viziti la Esperantiajn grupojn, kies kunvenejo estas Mariengarten, Karlstrasse, 10, vendrede je 8 h. 1/2.

**Pleven** (Bulgarujo). — Grava Esperanto-Oficejo estis malfermita. Ĝi eldonis presitajn propagandilojn por nia Asocio (resumo de nia broŝuro) en bulgara lingvo. La dirita Oficejo, samtempe administracio de gazeto « Istina » ankaŭ eldonos bulgare la broŝuron pri U. E. A. En la dirita gazeto aperis longa artikolo pri U. E. A. kaj ĝia celo. Entute nia afero tre bone staras en ĉi tiu regiono.

**Ĉiuj samideanoj havas la devon favori la komercistojn, kiuj reklamas en iliaj gazetoj. Legu do ĉiam la 4an paĝon de ESPERANTO.**

# Esperantia Parolejo

**Kie estas la versdteluloj ?**

Antaŭ nelonge, travojaĝante Tirol kaj Svislandon, la supra demando ofte altrudis sin al mi. Tirol-kaj Svislando estas je somere plenaj je fremduloj, je anoj de ĉiuj nacioj, kaj tamen mi eĉ unu solan verdan stelon ne vidis.

Mi vane fiksadis mian rigardon sur butontruojn kaj kravatojn : diversajn insignojn mi rimarkis, sed nenie verdan stelon.

Ĉu estas eble nuntempe, ĉe la jam konsiderinda disvastiĝo de Esperanto, ke mi ne renkontis eĉ unu solan Esperantiston ? Tiun ĉi demandon mi esprimis poste en Ĝenevo antaŭ svisa Esperantisto, kaj li respondis al mi, ke tre multaj Esperantistoj tute ne portas la verdan stelon. Kial ?

Ĉu oni hontas montri al ĉiu ajn, ke oni aprobas nian ideon ?

Ĉu ĝi estas indiferenteco aŭ timo al mokoj ? En nenia okazo ĝi estas pardonebla.

Klera, karaktera homo ĉiam kaj ĉie malkaŝe konfesas sian opinion, kaj defendas ĝin, kiel parton de si mem.

Konsideru, Esperantistoj, kia grandega utilo devenas de l'portado de l'verdaj steletoj. En landoj frekventataj de diverslingvanoj, oni per tio faras jam grandegan propagandon, kaj interparolante en vagoj, atendejoj k. t. p. oni montras, ke Esperanto estas jam praktike elprovita, ke diverslingvanoj interkompreniĝas per ĝi.

Eĉ nova Esperantisto, kiu ankoraŭ ne perfekte konas nian lingvon, portu ĉiam la verdan steleton, ĉar li per tio jam multe servas al la afero.

Geesperantistoj, neniam eliru el via domo, neniam ekvojaĝu sen la verda steleto : ĝi estu kiel neforlasebla parto de via tualeto !

Estante malgranda afero por vi, ĝi estas grandega utilo por nia afero.

St. Tomiĉ.

# INTERNACIA INSTITUTO

## de Esperanto

**Direkcio : 19, Pont-d'Arve, GENÈVE**

Ĉi-sube ni donas plenan raporton pri la kunveno de la Instituto en Barcelono. Pro preseraro ni diris en nia lasto No, ke ĝi aperis en la No de 30 Aŭgusto.

*OFICIALA INFORMILO*

Dum oktobro la direkcio de la Instituto zorgos pri la elekto de *juĝantaroj* en ĉiu distrikto (malgraŭ lando aŭ dividoj de grandaj landoj). Ĉi tiuj juĝantaroj, konsistontaj el tri plej spertoj Esperantistoj, havos la taskon korekti la skribajn laborojn de la ekzameno kaj la prijuĝi la parolajn ekzamenojn. La prezidanto de la juĝantaro, krom tio, estos la reprezentanto de la instituto en la distrikto ; li alcentrigos ĉiujn informojn pri ĝi kaj instruado de Esperanto, kaj propagandos por la Instituto. ESPERANTO publikos la liston de tiuj juĝantaroj, kiu estos staritaj en ĉiuj distriktoj, kie tio estos ebla.

Esta nun en preparado broŝuro pri la Instituto kun plenaj detaloj pri la ekzamenoj kaj maniero ekzameniĝi. Ĝi estos senpage disdonata de la prezidantoj de juĝantaro al ĉiuj Esperanto-instruantoj kaj lernantoj. Kie oni vidas, la agadplano de la Instituto estas nun precize formulita kaj estos metode efektrigata dum la venontaj monatoj.

*La Prezidanto.*

# GRAVA AVIZO

**La Oficejo de U. E. A. kaj la redaktejo de ESPERANTO sidas nun, 10, rue de la Bourse, Genève. Ĉiuj niaj korespondantoj bonvolu noti tiun adresŝanĝon.**

**Ni avizas niajn abonantojn, kies abono finiĝis kun tiu No, ke, en la okazo se ili ne ankoraŭ repagis aŭ formale malabonis, ni enkasigos ilian reabonon per la poŝto, aldonante la elspezojn por la repagigo. La abonantoj loĝantaj en landoj, kie poŝtrepagoj ne estas akceptataj, estas treege petataj tuj sendi sian reabonon por ne kaŭzi interrompon en la ekspedado.**

**La plej simpla kaj ŝpariga maniero reaboni ESPERANTO estas pagi al la regiona Delegito aŭ Subdelegito de U. E. A. Ĝi tute evitas poŝtelspezojn.**

Disvastigi *Esperanto* kaj ĝin legigi al kiel eble plej multaj personoj estas la plej bona maniero por instigi daŭran intereson al Esperantismo. Por tio ni faras rabaton da 25 0/0 por ĉiu mendo de almenaŭ 5 ekzempleroj sendataj al la sama adreso. (Pagado trimonata laŭ fakturo.)



# Esperanto - Movado

Post la Internacia Kongreso, kien kunvenis tiom da samideanoj el diversaj landoj, kiam mi en realeco dum semajno vivis en vera Esperantujo kaj ĝuis tiom da altaj spiritaj sentoj, estas malfacile skribi la ordinaran kronikon pri apartaj faktoj en tiu aŭ alia lando, kiuj nun ŝajnas tute negravaj. Tamen ĝi nur ŝajnas tiel, ĉar dank'al tiuj ĉi negravaj faktoj, aperantaj ĉiutage kaj ĉiuloke dum la jaro, povas efektiviĝi niaj Internaciaj Kongresoj, kiuj laŭte kaj konvinke manifestas antaŭ la mondo la realecon kaj la evidentan vivpovecon de nia afero. La homoj nur venu al ni, ili nur malfermu la okulojn kaj malŝtopu la orelojn, tiam ili devas fariĝi Esperantistoj.

Mi tre bedaŭras, ke ĝis nun la organizantoj de niaj Internaciaj Kongresoj aranĝas ilin tiamaniere, kvazaŭ ili havas nur specialan celon kunveniĝi, interkonatiĝi kaj amuziĝi nur Esperantistojn kaj doni al ili la eblon priparoli iom la Esperanto-Movadon. Preskaŭ nenion oni faras por altiri, partopreniĝi la laikan amason.

Sed tiu ĉi temo estas tro speciala, por esti traktata en felietono. Ni forlasu ĝin nun.

*Kelkaj impresoj pri Barcelona Kongreso*

Pri la Kongresa jam raportis nia gazeto. Mi nur deziras tie ĉi substreki la faktojn, kiuj atestas niajn sukcesajn kompare kun la antaŭaj kongresoj. Unuavice devas esti notita, ke la Hispana reĝo bonvolis konsenti estis Honora Prezidanto de la Kongreso, ne nur Honora Protektanto, kiel la saksa reĝo por la IVa Kongreso. Por nia afero ĝi estas kompreneble tre grava. Lia reĝa moŝto alsendis du gratulajn telegramojn, per kiuj li salutis Dron Zamenhof kaj la kongresanojn, kaj, dum la ĉeesto de multaj kongresanoj en Valencio, estis ricevita letero de nia tre fervora samideano, Sro Codorniu, ke la Hispana reĝo honorigis nian majstron per grava ordeno kaj titolo « Komandoro ». La prezidanto de l'ministroj ĉiuj ministroj aparte, multaj oficialaj Hispanaj Institucioj, la urbestroj el kelkaj urboj sendis al Kongreso afablajn salutojn kaj bondezirojn. La urbestraro de Barcelono voĉdonis 5,000 frankojn por « Honora vino », kiu estis tre solene proponita al ni en la adiaŭa vespero post la fermo de l'Kongreso. La grandega salono, de « Beles Artes » bele ornamita de floroj kaj tropikaj prestajoj estis pen-plena ; granda urbo orkestro kaj du orgenoj alterne ludis diversajn muzikaĵojn. Ĉeestis ĉiuj tre altrangaj personoj de officiala mondo en Barceleno.

Ĉirkaŭe granda amaso da scivola publiko. Dum la Kongreso la urbaj gvardianoj estis tre afable servemaj por ĉiuj verdstelutoj. Unuvorte ĉiuj oficialaj aŭtoritaj montris sin tre favoraj al nia afero. Same tre serioze kaj favore traktadis la multnombra gazetaro.

Apartan atenton meritas la fakto, ke dum la Kongreso de la Prezidanto de la Lingvo Komitato kaj de Akademio Sro Boirac deklaris en la nomo de L. K. kaj de Akademio, ke de nun Esperanto estas konsiderata kiel vivanta lingvo kaj oni malatantos ĉiujn ajn proponojn pri iaj ŝanĝoj kaj plibonigoj teorie altrudotaj kaj oni nur atentos, ke nia lingvo libere evoluciu kaj perfektiĝu nature, kiel ĉiu alia natura lingvo.

Ankaŭ estas notinda la fakto, ke tiun ĉi kongreson ĉeestis multaj gejunuloj el mezaj kaj superaj lernejoj kaj universitatoj, kiuj havis siajn specialajn kunvenojn, en kiuj oni tre vigle pritraktis la demandon pri la plej taŭga propagando inter la gejunularo. Oni povis konstati, ke la gejunuloj espereble tre baldaŭ disvolvos energian propagandon inter siaj gelernantoj. Tre ĝojiga grava fakto.

Ni aldonu ankoraŭ, ke post la detala raporto de vicprezidanto de U. E. A, Sro H. Hodler, nia Majstro kore gratulis la Universalan Esp. Asocion kaj ĝiajn sindonemajn kunlaborantojn kaj esprimis sian opinion pri U. E. A. jene : « Lasante flanke la instituciojn oficialajn, U. E. A. fariĝis la plej grava institucio de nia movado kaj ĝi aportos al nia afero pli afero pli kaj pli da utileco... » plue : « Mi do estas plene konvinkita pri la utileco de U. E. A. kaj la Esperantisma karaktero de ĝia laboro... Mi atendas de Via Asocio multe da bono por nia afero... » Tre valoraj kaj kuraĝigaj vortoj ! Dirante pri la ĝeneralaj impresoj ni beraŭrinde devas aldoni, ke la organizado de la Kongreso ne estis tro bona kaj ofte oni aŭdi sopirojn de Kongresanoj pri manko de komunaj manĝejoj kaj tial ĉiuj samideanoj dufoje ĉiutage devis disiĝi por tag-kaj vespermanĝo, kiu senigis ilin dum kelkaj koroj de amika kunestado, pri manko de ekspozicio, kiu por multaj estas la sola okazo vidi ĉiujn verkojn, gazetojn k. t. p., pri manko de Kongresa gazeto kaj pri ĝenerala manko de antaŭzorgo pri multaj detaloj, La bela kaj harmonia organiza de Dresdena Kongreso eble faris niajn samideanojn tro postulemaj, sed ni tre bedaŭras, ke malgraŭ la sendube grandega laboro de Barcelona organiza Komitato, restis tamen kelkaj difektoj en ilia laboro. Tamen ni ne forgesu la gravajn meritojn kiujn niaj hispanaj amikoj plene rajtas. Ili sukcesis favorigi al nia afero la plej altajn autoritatojn de sia lando ; por tio ni sentas la devon esprimi nian apartan dankon al S-oj Codorniu kaj Paregordo, la urbestraron, kiu tiel afable kaj reale partoprenis nian kongreson, favorigi la scienculojn, artistojn, ekleziajn kaj militistajn autoritatojn, kiuj tiel kompleze al nia dispono ĉiujn plej solenajn salonojn de Barcelon kaj ili mem persone faris multe por atingi tiun belan sukceson de nia Kongreso. Ni kun danko kaj miro devas ankaŭ konstati, ke la granda nombro de junaj Barcelonanoj, lerte parolantaj esperantistoj, kiuj tiel afable estis pretaj por ĉiuj servoj al la kongresanoj, kaj inter kiuj tre multaj estas komizoj, laboristoj k. t. p. montras ke kune kun la granda organiza laboro por la Kongreso, niaj hispanaj amikoj sukcesis samtempe prepari kadrojn da novaj junaj kaj lertaj esperantistoj. Do koran dankon al ĉiuj, kiuj tiom laboris por la sukceso de la Va Kongreso !

*La Reĝino-Esperantistino*

Sro Ĥristoskoff skribis al ni, ke Dro G. (Bukaresto, Rumanujo) sendis petskribon al ŝia Reĝina Moŝto Elizabeto, ke ŝi bonvolu preni la societon « Rumana Esp. Ŝocieto » sub ŝia alta protektado kaj ankaŭ, ke ŝi bonvolu doni al tiu societo la ekskluzivan rajtan traduki ŝi ajn verkojn (publikataj sub la pseŭdonimo « Carmen Sylva ») ; kaj la 12a/25a de septembro 1909 Dro G. Robin estis feliĉa ricevi la favoran respondon : Ŝia Reĝina Moŝto Elizabeto bonvolis akcepti tiujn proponojn. Ni gratulas la estimatan Dro G. Robin kaj ĉiujn Esperantistojn kun tia grava sukceso ! La Reĝino mem lernas Esperanton kaj afable promesis, ke nia lingvo estu enkondikita en ŝia Instituto por blinduloj, pri kiun ŝi patrine zorgas.

# BIBLIOGRAFIO

Dum la lastaj semanoj aperis multaj novaj libroj kaj libretoj en Esperanto sed pro manko da loko ni ne povas ilin citi nun. Ni nomu nur la plej gravan verkon de nia altestimata Prezidanto de Lingva Komitato kaj Akademio, Sro Rektoro de Dijona Universitato, Profesoro Emile Boirac : Plena Vortaro Esperanto-Esperanta kaj Esperanto-Franca. *Unua parto. Dijon. Presejo Darantière, 65, str. Chabot-Charny, 1909. Prezo 4 fr. afrankite 4.50 fr.* La aŭtoritata de l'aŭtoro estas tia, ke tiu ĉi verko ne bezonas specialan rekomandon. Jam delonge mankis tiaspeca vortaro. Ĝi estas ampleksa, granda, 180 paĝa tre zorĝe eldonitu libro. Bedaŭrinde ĝi estas nur duono de la vortaro, ĝi la litero K enkluzive. La dua kaj fina parto, kiu estas nun en presado aperos en decembro 1909. Ĝi enhavas ĉiujn vortradikojn aperintajn ĝis nun en diversaj vortaroj (ankaŭ teknikaj) en plej aŭtoritataj verkoj Esp. Pri kelkaj radikoj estas montritaj la proponintoj.

Novaj gazetoj : « Juneco » (dum nur prova Nro). Oficiala organo de la Franca Federacio de la junaj Esp.-toj (Prezo 0.40 fr.) Red. kaj Adm. 152, Bd Raspail, Paris 6e.

« La Duonmonata tutm. Esp. Revuo ». — Eldonata de la Centra Komercejo por Esp. de Joh. Heyn en Leipzig (Thomasring, 6), Redaktoro Karl Steir. Jara abono Sm. 1.75 (4.45 fr.)

« Anoncoj Ĵurnalo », Monata-Gazeto Internacia. Direkto Eld. E. Schmidt Schaaff. Scheveningen (Holl.), Radhuistr 106. Redaktoro Sro S. J. de Vries, Den Haag (Holl.), Bœhhorststr. 112. Prezo nur Sm. 0.50 (1.25 fr.) jare. Ĝi enhavas nur anoncojn, plej ĉefe en lingvoj Holl, Esp. kaj aliaj.

Dro J. OSTROVSKI.

UNIEUX (Loire, Franc.). — S^ro^ E. Leval, Sampicot. PK. L. (kun junaj Esperantianoj).

ENSCHEDE (Holando). — S^ro^ A.-W. Wesselius, 7 Willemstraat. PK. L.

AUCKLAND (New-Zeland). — S^ro^ Philip England, 127 Victoria St. PI.

AIDIN (Azia Turkujo). — S^ro^ Mihail Maihailideo, ĉe Franca Konsulejo).

LÜBECK (Germanujo). — S^ro^ H. Bruck, Sezdlitzstr. 34. PI. L.

MOSKVO (Rusujo). — S^no^ Maria Kislova, B. Ordinka Skorbjaŝĉinskij tupik, dom. korolenka, kv. 18.

AIDIN (Azia Turkujo). — S^ro^ S. Sidki, PK. PM. PI.

NAPOLI (Italujo). — S^ro^ prof. Egidio Tentori, via S, Chiara 41. PI.

## Petoj kaj Proponoj

**Financoj.** — Personoj dezirantaj deponi siajn kapitalojn kun plena garantio en Rusujo por 8 % jare, volu sin turni laŭ adreso : S-ro Vladimir Krajev, Tchernajevkaja, 14, *Tachkent* Sir Dariinskoj oblasti, Rusujo.

**Cosmopolitan Correspondence Klub.** — Granda internacia Klubo pri korespondado, kolektado k. t. p. — 7,000 membroj en la tuta mondo, belega ilustrata revuo en 4 lingvoj kun esperanta fako. Pri informoj aŭ aliĝiloj skribu al T. Zilliken, Societa Bancaria, Genovo, Italia.

**Lernejo por Franca & Esperanta lingvoj.** — En Morges (Franclingva Svis.) apud la mondfama Geneva Lago ; belega vidaĵo ; trankvila restadejo. Esperanto-Oficejo & societo en la urbo. Favoraj kondiĉoj. Speciale rekomendata, hejma vivado. Por ĉiuj informoj, oni sin turnu al la adreso : F^no^ A. Richardet, Esperanto-domo, Morges, aŭ al Esp. Ofic. de U. E. A., S-ro Jayet (Morges).

**Studento.** — Esp. organo de studentoj aperonta en septembro 1909 serĉas korespondantojn en ĉiuj landoj. Jarabono 1 $ (pagita antaŭ 1 sept. nur 0.75 $). Adreso : *Praha*, 516, K. Kuthan.

**Novaj Gazetoj.** — Ĉiu eldonanto de nova Esp-ita ĵurnalo (eĉ de kluba ĵurnaleto) estas urĝe petata sendi ekzempleron aŭ almenaŭ informon. Se iu bonkora Esper-isto havas malnovajn Esp-ĵurnalojn, kiujn li ne plu bezonas, mi tre danke ricevus ilin donace. S-ro H. Bailey, 31, Caversham R^d^, Kentish Town London, Anglujo.

**Vezuvio.** — Oni sendu sian portreton ajn al prof. E. Tentori, poste restante, *Modena* (Italujo) kaj oni ricevos belegan ilustr. pk. de la vulkano Vezuvio dum elsputo.

**Nova propagandilo.** — Verdaj steloj, glueblaj sur la vitroj de magazenoj, estas riceveblaj per la Esp. grupo frankfurta. La tuta rolo (ĉirkaŭ 50 steloj diversampleksaj) kostas nur $ 2.60 en Germanujo. (Esp. grupo).

Eschenheimer Enlage. 40-41, Frankfurt a/M.

**Enketoj.** — S^ro^ Helsing, kasisto grupo Esp. Gefle (Svedujo) por propagando deziras la jenajn informojn :

1°) Kiuj landoj enkondukis esperanto en *ĉiuj* lernejoj ?

2°) Se ne ĉiuj lernejoj kiuj ?

3°) Kiuj monon ricevas. — Kaj kiom da monhelpo de oficiala urbestraro aŭ urba deputato ?

4°) Kiuj regantoj de regno estas esperantista ?

5°) Kiom da esperanto-gazetoj aperas ?

**Ofico.** — S^ro^ M. Fichtner (Perswaldau a/Breslau, Germanujo) serĉas oficon en franca Svisujo aŭ Francujo kiel privata sekretario, vojaĝakompananto, aŭ komerco-instruanto.

**Germana Fraŭlino.** — Scianta Esperanton kaj iomete francan lingvon deziras ricevi oficon en franca familio. Ŝi estas preta utili por instruado de germana lingvo, fortepiano k. t. p. al infanoj. Malgranda salajro postulata. Oni bonvolu skribi al F-ino Anny Taŭbe. Münster i. Taŭnus (Germanujo).

**Junulo** ne malpli ol 16-jara estas serĉata de Esperanto-Librejo kaj biblioteko en Genève por prizorgi la ekspedadon kaj fari malgrandajn oficejajn laborojn. Bona okazo por lerni la francan kaj Esperantan lingvojn. Malgranda salajro de komenco. Skribi al Esperantio, 10, rue de la Bourse, Genève (Svis.).

**Novaj Svisaj Poŝtkartoj.** — S-ro C. Hildebrandt, sendas per 50 cent. aŭ du internaciaj responkuponoj la novajn oficialajn PK. eldonitajn la 4 oktobro, okaze de la inaŭguro de la internacia poŝta monumento en Bern.

## Komercaj reklamoj

### TRA LA FILATELIO

Internacia monata organo de ĉiuj kolektistoj de poŝtmarkoj & poŝtkartoj. Jare : En Francujo 2 fr. 10, 0.80 $. En ceteraj landoj 2 fr. 50, 1 $, ĉe S-ro Fize, au Pastissou, Béziers (Francujo).

**Manpurigilo por ĉiu lavejo** (Esperantia entrepreno). — Ĉiu homo perdas de unu minuto ĝis unu horo ĉiutage, se oni ĝin ne posedas.

Inter eminentaj Esperantistaj skribas pri ĝi Dro Pierre Corret, Versailles, Sekr. de Lingvo Internacia :

« Tre koran dankon. Estimata Samideano, por via afabla alsendo de ŝtono « Pura-Mano », kies bonegan efikon mi persone spertis k. c. »

Unu peco, 30 Sd., afrankite. Pogrande grandan rabaton.

Niles Winberg. Bengtsfors, Svedujo.

**Koviloj** sekigantaj « Perfekta » je varma aero kaj aŭtomata reguligilo ; maksimuma produktado, lastaj perfektigoj ; Katalogo ricevebla de J. Pascarel. Tours (Francujo).

**Oni aĉetas** diversajn neanglajn produktaĵojn por revendi ; ankaŭ riprezentado de alilandaj firmoj, kiuj dez. ion vendi per aŭkcia vendo aŭ alimaniere en Granda Britujo. Bonegaj referencoj. Sin turni al Esp. Konsulejo, 21, W. Schurbberg, Bristol, Anglujo.

**Riprezentado.** — Londona Agento, hav. oficejon, dez. riprez. alilandan firmon (ne alkohol.) Bonaj referencoj. — « The Ronda Agency », 87, Finsbury Pavement, London E. C.

**Piedŝvito.** — Nepra kuracilo, sendanĝera por la sano. Brissonnet, apotekisto, en Loches (L. & E. Francujo). Poŝtmandata prezo : Francujo, 1 $., alilando, 1,20 $.

**Ekspeda firmo.** — Firmo Krook & Person, en Lübeck (fondita 1876). Ekspedoj precipe al Dan-, Sved-, Rusujo & Finlando.

**Silkaj esperantaĵoj.** — B. Peyraud, Vicdel. U. E. A., rue de la Loire, 41, Saint-Etienne, Francujo.

*Flagetoj, kravatoj verdstelumitaj* por samoj, 5 modeloj. — *Atlasa rubando*, kun verdstela desegno, por sam-inoj. — *Vualskarpoj* esperantistaj, el blanka gazmuslino. — *Bildoj teksitaj* el silko, veraj teksaj ĉefverkoj. — Kontraŭ 0 fr. 30 (0.12 $) poŝtm. aŭ 1 respondkupono, oni ricevas silkan flageton kaj la ilustratan prezaron.

**Muziko.** — S^ro^ A. Besnard, muzikeldonisto, 26, rue Antoinette, Paris, liveras ĉiujn ajn muzikaĵojn, el ĉiuj landoj, laŭ plej profitaj prezoj.

**Antaŭ ol** akiri domojn, dometojn, kampardomojn kaj ĉiuspecajn bienojn en Italujo, skribu al samideano *Luigi Scarselli*, via dell' Agnolo 48, Firenze (Italujo). Li akceptas ankaŭ *riprezentadon* de ĉiaj komercaĵoj.

**Filatelistoj** por poŝtmarkoj el via lando interŝanĝe sendos poŝtmarkojn el Hispanujo kaj hispanaj kolonioj.

José Pose Villelga advokato, Bilbao (Hispanujo).

« **Esperanta Gazeto** », Guadalajara (Mexico) Apartado 115. Direktoro : Alberto Gomez-Cruz (jr). Interesa por ĉiuj. Nepre vi devas aboni. Jara abono 0.75 $.

**Komercaĵoj.** — S^ro^ A. Rowlands (Box 183, Invercargill, New-Zeland) deziras koresp. pri komercaĵoj revendeblaj en la Anglaj Kolonioj kaj pri la produktaĵoj de Nov-Zelando.

**Al eldonejoj.** — La Esp.-Oficejo de Pleven (Bulgar.), petas ĉiujn redakciojn pri afabla sendo de iliaj eldonoj. Interŝanĝe ili senpage ricevados la eldonojn de Bulgara Esperanta Biblioteko.

**Invito.** — Franca instruisto estas petata pasigi ĉe mi du semajnojn. Li ricevos senpage noktoĉambron kaj fruan manĝon. Alia nutrado en gastejo aŭ familio (malkare). Restado en ĝardeno, partopreno en kunvenoj, k. t. p. Laŭ interkonsento li devas liveri la saman al mi en sia hejmo. E. Ulitzsch, instruisto, Schillerstr. 16. Gera-R. (Germanujo).

### AL LA KOLEKTISTOJ

Post kelkaj jaroj, *grandan valoron* havos la plena kolekto de la gazeto.

**ESPERANTO**

Do, rapidu mendi ĉi tiun plenan kolekton dum ĝi esta ankoraŭ havebla po malkara prezo.

*La tuta Kolekto* (60 n^o^ j), afrankite 250 $.

Sin turni alla Administrejo (8, rue Bovy-Lysberg, Genève).

*Malnovaj n-oj antaŭ 1 Decembro 1908 ne estas izole aĉeteblaj.*




*La Administranto (Gérant) : DUVAL*

Laborista Kooperativa Presejo, 15, rue Amiral-Roussin. Dijon (Francujo)




### ĈASOPIS ČESKÝCH ESPERANTISTŮ

Kun literatura aldono « *Legolibro de Bohemaj Esperantistoj* » oficiala monata organo de bohemaj Esperantistoj kaj de centra asocio.

**Bohema Unio Esperantista** *(B. U. E.)*, kiu unuigas tiutempe *43 societojn*. Ĉiu numero de tiu ĉi revuo enhavas po 20 paĝoj da plej bona teksto : artikoloj originalaj kaj tradukitaj, parto oficiala, esperanta movado en fremdlando kaj inter Bohemoj, bibliografio, adresaro de korespondatonj, k. t. p.

Jara abonpago : 3 kronoj ($ 1.50) Red. kaj Adm. : Praha II, 2023, *Ed. Kühnl.*

(Rabato por Societoj).



# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

aŭ ESPERANTIO

**Fondita la 28^an^ de Aprilo 1908**

CELO : Plifaciligi la rilatojn inter diverslingvanoj kaj krei fortikan ligilon de solidareco inter siaj membroj. Por tio ĝi starigas diversajn internaciajn praktikajn servojn tuj uzeblajn de la personoj, kiuj partoprenas en la vivo internacia (Komerco & industrio, turismo, junuloj, informoj, k. a.)

ORGANIZO : En ĉiu regiono estas *Delegito* aŭ *Subdelegito*, kiuj reprezentas la komitaton, varbas membrojn kaj zorgas pri la funkciado de la servoj de la Asocio. Li laŭbezone estas helpata de diversfakaj *Konsuloj* (turismo, komerco, virinoj, junuloj, maristoj), kiuj havas la devon respondi pri sia fako ĉiujn informpetojn de Esperantianoj aŭ Esperantiaj entreprenoj. La *Komitato* estas balotata de la Delegitoj; la Delegitoj estas balotataj de la membroj.

SERVOJ : Senpaga liverado de informoj pri ĉiuj fakoj. — Helpado al vojaĝantoj. Helpado al junuloj, kiuj vojaĝas eksterlanden aŭ serĉas oficon aŭ deziras ellerni fremdajn lingvojn aŭ viziti alilandan universitaton, k. c. — Starigo de Esperanto-Oficejoj en ĉiu loko. — Reklamo kaj disdonado de reklamiloj. — Perado por reklamo kaj dungado. — Liverado de informoj komercaj kaj enketoj. — Juraj informoj. — Organizo de karavanoj kaj someraj libertempaj kolonioj. — Eldonado de gvidfolioj. — Instigo al eldonado de gvidlibroj. — Ekspozicioj. — Konkursoj, k. t. p., k. t. p.

ALIĜOJ : Ĉiu persono, kiu deziras aliĝi, informu pri tio la Delegiton aŭ Subdelegiton de sia loko (se estas nek Del., nek Subdel., li sin turnu al la sidejo de U. E. A.) kunsendante la jaran kotizaĵon **36 sd.** Interŝanĝe li ricevos membrokarton, kiu donos al li la rajton uzi ĉiujn servojn de U. E. A. — La grupoj, societoj, komercaj, firmoj, gazetoj, kontoroj, korporacioj, k. a., povas aliĝi kiel *Esperantiaj entreprenoj* (Kotizaĵo : **2 sm.**) kaj interŝanĝe rajtas uzi la specialajn servojn de U. E. A. starigitajn por ili. La grupoj, societoj, organizaĵoj, k. a., kies ĉiuj membroj estas samtempe membroj de U. E. A., estas *Esperantiaj Asocioj* kaj senpage ĝuas la rajtojn de la Esperantiaj Entreprenoj.

NUNA STATO : Je la 1^a^ de oktobro, U. E. A. kalkulis 85 Delegitojn, 122 Vicdelegitojn, 668 Subdelegitojn, 465 Konsulojn, 154 Esperanto-Oficejojn, en 700 lokoj kaj 44 landoj ; ĝi havis 4500 membrojn, 80 Esperantiajn Entreprenojn kaj 10 Esperantiajn Asociojn.

## KOMITATO DE U. E. A.

D^ro^ L. L. ZAMENHOF, Honora Prezidanto.
H. BOLINGBROKE MUDIE, Prezidanto, London.
H. HODLER, Vicprezidanto *(Administrado*, Genève).
TH. ROUSSEAU *(Financoj)*, Dijon.
A. CARLES *(Konsuloj)*, Béziers.
P. BLAISE *(Esperanto-Oficejoj*, London.
J. SCHMID *(Turismo)*, Bern.
D^ro^ M. KANDT *(Komerco & Industrio)*, Bromberg.
F. ROCKMANN *(Junuloj)*, Magdeburg.

Sidejo : **10, rue de la Bourse, Genève** (Svisujo).

# OFICIALAJ ELDONAĴOJ DE U. E. A.

*Oficiala Jarlibro* (Plenaj informoj pri U. E. A., ĝia organizo, ĝiaj servoj kaj la maniero ilin uzi, k. a. Plena listo de la Deligitoj, Vicdelegitoj, Subdelegitoj, Esp.-Oficejoj de U. E. A.). Necesega por ĉiuj membroj. Prezo : 0,25 Sm. ; 10 ekz. 2 Sm.

*Oficiala insigno* (verda stelo kun blanka rando, rezervita por Esperantianoj). Prezo : 0,36 Sm.

*Oficiala Marko* (gluota sur la korespondaĵoj de la Esperantianoj) 1 sd. por ekzempl. (minimumo 10 ekz). Por Esp.-Oficejoj rabato da 20 % por ĉiu mendo de pli ol 100 ekz.

*Oficiala leterpapero* (por Delegitoj, Subdelegitoj kaj membroj) 100 folioj : 0,70 Sm.

*Oficialaj kovertoj*. Prezo, 100 ekz : 0,40 Sm.

*Oficialaj poŝtkartoj*. Prezo, 100 ekz. : 0,70 Sm.

*Gvidfolioj de U. E. A.* (Rekomendataj al ĉiuj vojaĝantaj Esperantianoj). Senpage riceveblaj kontraŭ marko aŭ kupono da 0,10 Sm. Oni povas mendi la gvidfoliojn aparte. Vidu la Oficialan Jarlibron.

*Universala Esperanto-Asocio*, ĝia celo, ĝia organizo, ĝiaj praktikaj servoj, ĝia signifo. Propaganda broŝureto. Prezo, 10 ekz. : 0,20 Sm. ; 50 ekz. : 1,50 Sm.

*Oficiala Bulteno* (senpaga por Delegitoj, Subdelegitoj kaj Konsuloj).

PROPAGANDAJ BROŜUROJ EN NACIAJ LINGVOJ :

*Universala Esperanto-Asocio*. Enkonduko, celo, organizo, praktikaj servoj, socia, signifo, konsiloj, al la interesatoj, k. t. p. Tiu bonega propaganda broŝuro, kiu klare konigas U. E. A. al la neesperantista publiko, estas nepre rekomendata al ĉiuj niaj propagandistoj.

Ekzistas ĝis nun eldonoj en lingvoj *franca, germana, hispana, rusa* kaj *itala*. Eldonoj angla, kaj portugala estas en preparo. Resumoj en lingvoj *dana* kaj *holanda*.

Prezo, 10 ekz. : 0,20 Sm ; 50 ekz. : 0,80 Sm ; 100 ekz. : 1,50 Sm.

AVIZOJ : Ĉiuj mendoj estu sendataj al **Esperantio**, 20, rue de la Bourse, *Genève* (Svisujo), Tamen, nacilingvaj propagandaj broŝuroj estas ankaŭ riceveblaj el la jenaj adresoj :

D^ro^ M. KANDT, 8, Neuer Markt, *Bromberg* (Germana).
P. LINARES, Santo-Basilio, *Cordoba* (Hispana).
A. TELLINI, 12, Casella Postale, *Bologna* (Itala).
S. SZABRINIEWICZ, Mjasnickaja, d. Zimin, *Moskva* (Rusa).

Kalkulo estas malfermata nur al Delegitoj & Subdelegitoj. Ĉiuj aliaj personoj devas aŭ mendi per sia loka Delegito, aŭ kunsendi la monon samtempe kun la mendo. Personoj, kiuj deziras rekomendigi sian mendaĵon, aldonu 0,10 Sm.